# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

Fondinto : H. Hodler.
Redaktoro : D-ro Edm. Privat.
Direktoro de UEA : Hans Jakob.

**Adreso : I, Tour de l'Ile, I GENÈVE, Svislando**

**ENHAVO :**

**Esperantismo :**

Poŝto kaj Jubileo ........... 71
Decidoj pri Reorganizo ...... 72
UEA 1908-1933 ........... 73
Esperantistaj problemoj ..... 75
El la historio de UEA ...... 77
Kompreni kaj apliki ........ 78
La socia signifo de UEA .... 79
Kunveno de la Komisiono de UEA (Telegramo) ......... 83

**Literaturo :**

Ombroj kaj Lumoj ......... 80
Li tamen pli bone fartas ...... 81
Pola folkloro kaj popolkanto 82
Soleca ermito ............. 84
Panteismo ............. 84
La arto de Altamira ........ 85
La Sufi-movado ......... 86

**Diversaĵoj :**

Novzelanda Esp-Kongreso ... 87
Tutpollanda Esp. Kongreso . 87
Postkongreso en Berlin ..... 87
Voĉoj el Usono ........... 87
Univ. Kongreso : 4-a Informilo 88
Kurso por poŝtistoj ......... 88
Universala Esperanto-Asocio Oficiala Informilo 27 ..... 89
Kroniko, Oni dankas ....... 90
En kelkaj linioj .......... 91
Esp. vivo, Niaj mortintoj ... 92
Bibliografia servo .......... 92
Korespondado, Petoj kaj proponoj ................ 93
Reklamoj ............... 94

**XXIX-a Jaro N° 392**

**APRILO 1933**

# Poŝto kaj Jubileo

La Ĝenerala Direkcio de Poŝto, Telegrafo kaj Telefono en Nederlando dissendas invitojn kaj faciligas partoprenon al internacia esperanto-kurso por poŝtoficistoj, aranĝita de la Ĉe-Instituto kaj okazonta en fino de Junio. La detalojn oni legu sur paĝo 88.

En la tuta mondo la poŝtaj administracioj ricevis la inviton pere de la Universala Poŝta Unuiĝo en Bern kaj ĉie ni povas mem agi por atentigi la interesatojn. Jam en ĉiuj landoj ekzistas esperantistoj en tiu simpatia rondo de homoj, la plej konstante laboranta sur la kampo de rektaj rilatoj inter la popoloj.

Ankaŭ la plej pozitiva interŝtata decido pri mondlingvo estas tiu de la Universala Telegrafa Unuiĝo, kiu ŝanĝis en 1925 sian regularon kaj fiksis al Esperanto la rekonitan statutecon por la telegramoj en « klara lingvo », plenumante la deziresprimon de la Ligo de Nacioj, kiu rekomendis, ke oni donu tiun rajton al Esperanto « kiel praktika helpa lingvo de la internaciaj komunikoj. »

Estas do nia devo kaj plezuro disvastigi tiun informon per la gazetaro kaj sukcesigi tiun kurson helpante la vojaĝon de lernemaj oficistoj. Jam de longe ne estis entreprenita tiel grava kaj utila paŝo por nia afero.

Ke ĝi venas de sendependa entrepreno kiel la Internacia Ĉe-Instituto ne surprizas nin. En la mezo de tutmonda krizo ekonomia kaj de malprudenta organiza disputo inter esperantistoj, tiu Instituto mirakle daŭrigas sian marŝon antaŭen kaj sukcesigas kursojn de S-ro Ĉe, S-ro Morariu, F-ino Lidja Zamenhof kaj multaj aliaj talentuloj, kiuj varbas al nia lingvo novan generacion de homoj.

Ĝi laboras ĝuste laŭ tiu sama principo rekta kaj supernacia, kiu gvidis la fondinton de UEA antaŭ 25 jaroj. Ni festas nun la jubileon de la Hodlera iniciato, kiu donis al Esperanto la solidan bazon de la tuja uzebleco dank' al servado de la sindonaj delegitoj.

En Aprilo 1908 mi rondvojaĝis tra Usono kiel juna propagandisto kaj faris dusemajnajn kursojn en multaj urboj. Ankoraŭ bone mi memoras la saĝajn leterojn de fidela amiko Hektor Hodler, kiu tiam estis ĝuste stariganta la Universalan Esperanto-Asocion kun Th. Rousseau. Kiam ni retroviĝis en Dresden por la tria kongreso la saman jaron, lia plano jam estis en plena realigo kaj ekfunkcio. D-ro Zamenhof kun ĝojo bonvenigis la taŭgan rimedon por suprenigi de vortoj al faroj lian internan ideon ebligante per Esperanto veran interhoman helpadon.

Ventoj povas blovi kaj ondoj minaci. Ĝuste tiam necesas firme teni tion, kion la homaro nepre bezonas kaj ĝojos retrovi. Nia penso dankas hodiaŭ al la bravaj fondintoj kaj same kuraĝige al la fidelaj gardantoj.

Iam ĉesos ventoj kaj pacos ondoj. Tiam la mondo benos tiujn, kiuj eltenis senŝancele sur la vojo Zamenhofa.

*Edmond Privat.*

**Atentu la gravan informon de la Komisiono de UEA, paĝo 83.**

# Esperantismo

## Decidoj pri Reorganizo

### ĈEĤOSLOVAKA ESPERANTO-ASOCIO

XIV-a jarkunveno de Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista la 19.III. 1933 en Hradec Krâlové, ekzameninte statuton de UFE trovis ĝin netaŭga precipe pro alineo pri praktikaj servoj, kiu estas nelogikaĵo en statuto de federacio reprezentonta la plej altan instancon de la movado.

Ni trovas nepre necesa, ekziston de memstara centro de la naciaj societoj propagandaj kaj ni samtempe konstatas, ke kunlaboro inter la nacia societo kaj UEA funkciis en nia lando kontentige por ambaŭ societoj.

Ni miras, kial gvidaj personoj trovis en Parizo nunan tempon oportuna por fundamentaj ŝanĝoj en universala organizo, kvankam en Krakova kongreso, oni konstatis laŭ ilia propono, ke la situacio estas ekstreme maloportuna. La situacio tamen ne ŝanĝiĝis.

Ni bedaŭras disrompon de la Helsinki-kontrakto antaŭ ol alia sistemo de organizo estis starigita kaj akceptita inter la du kontraktintaj instancoj.

Tial ni rekomendas al ĉiuj naciaj societoj prokrasti la definitivan decidon kaj remeti la temon sur tagordon de kunveno de KR en Kolonjo kun celo starigi novajn principojn kiel bazo de rea traktado kun UEA.

Monon pagotan laŭ malnova sistemo ni havas sur aparta konto tuj pagebla kaj rezervos ĝin ankaŭ dum tiu ĉi jaro por kaso de internacia centro de naciaj societoj.

Ni esperas, ke la nuna ĥaoso konvinkos tiun centron same kiel la nunan UEA pri bezono pli alte ŝati la staton. kiu estis en Parizo rompita sen grava motivo.

### Germana Esperanto-Ligo en Ĉeĥoslovaka Respubliko

La *Germana Esperanto-Ligo* en Ĉeĥoslovaka Respubliko dum sia jarkunveno la 26-an de Marto 1933 en Aussig deklaras :

Aŭdinte la informon pri la nuna situacio de la internacia reorganiza problemo kaj ekzameninte la proponitan statuton de UFE, la ĉefkunveno de GEL akceptis *jenan rezolucion :*

« *Ni komprenas* la klopodojn, unuecigi la universalan Esperantomovadon, sed ni *ne* subtenas la proponitan manieron de la realigo.

*Ni konstatas*, ke UEA kontentige funkciis dum 25 jaroj, kaj estas konvinkitaj, ke U E A ankaŭ estonte plenumos sian taskon. Ĝia plej bona fundamento estas « *La Supernacia Strukturo* ».

*Ni estas kontraŭ* la nuligo de UEA kaj deziras la solvon de la problemo kun UEA kaj ne kontraŭ ĝi.

*Ni ege bedaŭras* la nuligon de la « Kontrakto de Helsinki », antaŭ ol alia organiza formo estis akceptita interkonsente.

*Ni proponas :* Aŭ lasi la organizon kiel ĝis nun laŭ la « Kontrakto de Helsinki », aŭ starigi reorganizon *interkonsente* kun UEA.

*Ni decidas* pagi kiel antaŭe al KR la kutiman kotizon kaj admoni niajn membrojn, resti fidelaj al UEA. Kiu ne renovigis la membrecon pro la neklara situacio, tiu faru ĝin tuj.

Ĉar UFE-statutoj enhavas ĉion, kion UEA jam havas estus pli simple, aldoni al la UEA — statutoj praktikajn pliboniĝojn aŭ aldonojn, por ke la kotizado estu ebla al ĉiuj esperantistoj.

Laŭ nia opinio estos certe eble, trovi efektivigeblan solvon de la problemo organiza kun bona volo kaj en nura intereso por la prospero de Esperanto en plena interkonsento inter K.R. kaj UEA ».

### Finnlando

La subskribintaj esperantistaj organizaĵoj Finnlandaj, diskutinte la demandon pri novorganizo de Esperanto-movado en siaj jarkunvenoj, aprobis unuanime jenan opiniesprimon :

*Ni konstatas*, ke la Esperanta movado kiel movado de internacia lingvo, devas esti organizita ĉefe sur bazo internacia kaj supernacia.

*Ni konstatas*, ke UEA dum 25 jaroj bone funkciis kaj servis senpere kaj pere al la uzado kaj disvastigo de Esperanto.

*Aliparte ni konstatas* ke por la bono de nia movado estas absolute necese trovi bazon por komuna, harmonia kunlaboro de ĉiuj esperantistaj organizaĵoj.

*Sekve ni esprimas la deziron*, ke la gvidantoj de nia movado serĉu bazon por tia interkonsento inter UEA kaj la esperanto-organizaĵoj naciaj kaj fakaj, kiu lasos al UEA eblecon daŭrigi kaj evoluigi sian ĝisnunan agadon laŭ la tradicio kaj spertoj, plivastigante la kontaktojn kaj kunagadon kun la nomitaj organizaĵoj. Helsinki, la 25-an de Marto 1933.

Esperanto-Asocio de Finnlando : H. Salokannel, prezidanto.

Esp. Ligo de Finnl. Instruistoj : Elmi Tamminen, prezidantino.

Esp.-Ligo de Finnl. Fervojistoj : T. Väätänen, vicprezidanto.

## Rezolucio

*Britlandaj anoj de UEA*, kunvenintaj ĉe Teritoria Kunveno de UEA la 7an de Januaro 1933 en *Londono* :

1. *Bedaŭras* la manieron, laŭ kiu la Kontrakto de Helsinki estis disŝirata ĉe la lasta Kongreso en Parizo.

2. *Deklaras* sian fidelecon al la principo de universaleco, kiu karakterizas la Universalan Esperanto-Asocion (UEA).

3. *Protestas* kontraŭ la klopodoj flanke de kelklandaj societoj por devigi la malaperon de UEA kaj starigi novan organizaĵon bazantan nur sur landaj societoj.

4. *Petas*, ke la landaj societoj aliĝintaj al la nova organiza projekto prokrastu la starigon de sistemo de Delegitoj ĝis post la Kongreso en Kolonjo.

5. *Esperas*, ke la gvidantoj de la landaj societoj kaj de UEA trovos planon de unuigo, kiu permesos la partoprenon de ĉiuj ekzistantaj institucioj sen rompo de kontinueco kaj sen forlaso de pruvite valoraj tradicioj.

Prezidis : Paul Blaise, Komitatano de UEA.

Protokolis : Fred. E. Wadham, Sekretario de UEA (Teritorio Brita).

# Universala Esperanto-Asocio

## 1908 - 28 Aprilo - 1933

Kiam tiu-ĉi numero estos en la manoj de l'abonantoj Universala Esperanto-Asocio estos atinginta kvaron-jarcenton de sia ekzisto. Konvenas rerigardi kaj fari resumon de ĉio kion ĝi atingis.




Hector HODLER.
(Laŭ desegno de Jean Robert, 1912)

La jaro 1908 vidis nian movadon en batalo dufronta. Skismo minacis disigi la anaron. Jen evoluciuloj, jen revoluciuloj akre disputadis pri la *formo* de la lingvo kaj malcerta estis konkludi, kiu venkos. La evoluciuloj subtenis la tezon de l' progreso iom post ioma, per la uzado kaj spertado, dume la revoluciuloj nepre deziris tujan akcepton de reformo de l' lingvo « *ĉe kapo kaj membroj* ». Estis la Ido-epoko, la provo de kompromiso inter du principoj, nete kontraŭstarantaj sin. Franca pioniro de nia lingvo, de Beaufront, rajtigito de D-ro Zamenhof ĉe la fama « Delegacio por enkonduko de Internacia Lingvo » plenumis tiun rolon de disiganto. Tuja pruvo, ke Ido malpravas, *ne* estis ebla. Sekvo estis, ke kelkcentoj da esperantistoj transiris al Ido. Ĉefe estis okcidentlandanoj, ĉar Ido estis nenio alia ol francigita Esperanto. Sufiĉas ! Ne valoras plu hodiaŭ reveni pri tiuj faktoj kiuj formis la kadron de l'agado esperantista. La sekvoj de l' skismo influis ankoraŭ en la postmilito. Sed kiel ĉiam veriĝis ankaŭ tie-ĉi, ke eĉ granda revoluciulo povas esti reakciulo por alia, ankoraŭ pli revoluciema. La plibonigoj tiom abundis, ĝis fine aperis aliaj proponoj, ankoraŭ pli okcidentaj. La revolucio manĝis siajn proprajn infanojn. Venkis la principo de l'evoluo, kio ne signifas konservismo, kiel erare oni kredigis.

En tia maltrankvila tempo, naskiĝis UEA. Jam ekzistis bela aro da proponoj *kiel nin organizi*. Ŝajnas strange, ke celado tiom superidea, supernacia kaj superlingva ne trovis tuj la solan formon de kuniĝo : la universalan kaj rektan. Serĉado sensukcesa pri formo kaj celo estigis diskutojn dum la kongresoj.

Tiam « *junuloj sen aŭtoritato* » prenis la ĉefajn ideojn pri internacia organizo kaj provis. La tuta problemo reduktiĝas je kelkaj simplaj principoj, nome :

*Idea :* Neŭtraleco : politika, rasa, religia.
Libereco : agada kaj iniciata.
Universaleco efektiva, kontraŭ-ekskluziva.

*Praktika :* Aliĝo senpera, sen ĉirkaŭvojo kaj limigo.
Delegito loka kun klaraj kompetentecoj.
Servado rekta al la membroj.
Gvidado centra per internacia estraro kaj teknika plenumado per profesia oficistaro.

*
**

Rapide progresis UEA. Eble tro rapide. Vekiĝis ĵaluzo, envio, kaj pli-malpli stariĝis opozicio. Aŭdiĝis argumentoj strangaj. Sed la neforigebla fakto, la sukceso nur povis intensigi la metodan laboron kiun fiksis al si la juna Asocio.

Ne-elĉerpebla fonto de iniciato, de provo kaj de instigo montriĝis ĉe UEA. Nenia kampo de supernacia aktiveco, kien



Harold BOLINGBROKE MUDIE
Unua prezidanto de UEA, 1908-1915.

la fondintoj ne provis puŝi la uzon de Esperanto. Aerveturado, junularo, laboristoj, studentoj, virinoj, kolektado, komerco, turismo, vojaĝoj, kongresoj, k.t.p. por nur nomi kelkajn el la tiamaj « *Fakoj* », kiuj ne ornamis presaĵojn, sed funkciis kontentige. Hodiaŭ estas preskaŭ enigmo kiel povis esti plenumitaj tiuj taskoj postulantaj ampleksan skriblaboron.

Ne mankis la zorgoj, nek la ĉagrenoj. Daŭre UEA batalis pro la financa ekvilibro. Erara ideo pri *eta kotizo-giganta membraro* malhelpis radikalan solvon, kiu *nur* povis okazi per apliko de komerca principo de « *bona pago kontraŭ bona servado* ». La financa reformo de 1912 tuj ŝanĝis la situacion, senbalastigis la administradon, plenigis la kason kaj finigis periodon de deficitoj.

Post kvar jaroj da provoj kaj de spertoj, UEA staris firme, preta por plenumi sian mision. La jaro 1913 estis finpunkto de evoluo plej promesplena por la estonto.

Tiun ĉi marŝon al konstanta sukceso interrompis la milito. Kontraŭe al aliaj organizaĵoj tutmondaj, UEA povis labori kaj apud la Esperanto-agado stariĝis grandioza helpservo, kiu dum kelka tempo eĉ superombrigis la veran laboron de l'Asocio. Tiu ĉi helpservo naskita el tuja kompreno de l'situacio, alportis grandan gajnon moralan al Esperanto. Personoj kiuj neniam atentis pri tiu-ĉi vorto, devige interesiĝis. Aro da interesitoj venis al ni kaj ankoraŭ nun estas en la movado tiaj personoj kiuj uzis la dummilitan servon de UEA. Krom morala gajno tiu-ĉi servo havis ankaŭ materian sekvon, tiel ke la Asocio povis trapasi la jarojn 1914 ĝis 1918 sen notinda perdo. La revuo « *Esperanto* » aperis dum la tuta milito (escepte dum Aŭg.-Dec. 1914), malgraŭ ĉikanoj ĉiaspecaj.

1919 ! Rekomenciĝis la agado. Kiel kolomboj de l' paco disflugis en 1919 al ĉiuj adresoj kiujn ni disponis, la cirkuleroj anoncantaj la restarigon de nia Asocio. Malhelpoj post malhelpoj baris la vojon sed energie celkonscie UEA persistis. Sortobatoj ŝajnis triumfigi pesimismon. Gvidantoj malaperis, aliaj plenigis la lokon. Novaj homoj, novaj ideoj ekaperis. Apud la ordinara laboro, UEA entreprenis aŭ subtenis la klopodojn pri *unuecigo de la movado* kaj pri la *oficiala rekono de la lingvo* pere de internacia areopago, kreita per la pacokonkludo, la *Ligo de Nacioj*. La unua kondukis al kunordigo de la esp.-fortoj sub la « *Kontrakto de Helsinki* », la dua havigis al ni la rekonon de Esperanto kiel klara lingvo en telegrafado. Ambaŭ mondoj, la esperantista kiel la publika, ne estis maturaj por solvoj pli konkretaj : Unu organizaĵo esperantista kun kerno UEA : Rekomendo de la Ligo de Nacioj al la ŝtatmembroj okupiĝi pri internacia lingvo.

Firmiĝis UEA. La jaro 1925 anoncis komenciĝon de stabileco por ĉio, sed sub signo de ŝajna prospero aperis jam en 1926 la heroldoj de malbona epoko. La malfido transsaltis ankaŭ en nian movadon kaj kondukis al grava atako kontraŭ la gvidantoj de l'Asocio en 1928. La senbazeco de la kulpigoj ja evidentiĝis. Sento de malamikeco restis. Sed pli grave fariĝis la situacio ekstera kiu fine neniigis la zorge elpensitan planon de tutmonda kunlaboro kaj pacigo.

Fine de 1932 la mondo staras pli malproksime de l' vera paco ol dek jarojn antaŭe. Ankaŭ en nia movado montriĝas tiu ĉi necerteco. Neniam malaperintaj tendencoj faligi UEA'n, subfosi la grundon sur kiu ĝi staras, reaperas. Per argumentoj stereotipe ripetitaj oni erarigis la esp. publikon. La sinteno de UEA bazas sur spertoj akiritaj. Kaj rimarkinde estas, ke la taktiko de l'opozicio videble ŝanĝis. Ne detrui UEA, sed plivastigi ĝin ! Kontraŭ tio ni simple atentigas, ke UEA *neniam* rifuzis trovi aranĝon, laŭ la formulo « Vivi kaj lasi vivi la aliajn », t.e. reciprokeco, toleremo, libereco.

Estas atentinde, ke ĉe komenco de UEA en 1908 ĝi staris en prilingva batalo kiu ekkomencis en Parizo. Dudekkvin jarojn poste la matura Asocio troviĝas meze de pri-organiza kverelado, kiu eliris ankaŭ el Parizo.

La paraleleco de okazintaĵoj sin montras ankaŭ en aliaj faktoj. Same kiel nia lingvo trovis en 1908 energian defendanton en Parizo, nome Prof. Cart, ankaŭ UEA havas fidelajn amikojn en Francujo, kiuj ne toleras ke la fruktoj de 25 jara laboro estu neniigataj.

Nia gvidvorto estas : Progreso per evoluo. Respektante ideojn kaj laborojn de l'aliulo, oni facile interkonsentos.

UEA konstruas, sed ne detruas.

Rerigardante la vicon de jaroj, ni memoru tiujn samideanojn, kiuj konstruis, kunlaboris kaj klopodis igi la Asocion la fermenton de nia movado. El la fondintoj neniu plu estas sur tero : Alphonse Carles (Béziers), la proponinto de l'ofico de Konsulo, la nuna *Delegito*, Théophile Rousseau (Dijon) la instiginto de l'*Esperanto-Oficejo*, Hector Hodler, la organizinto sinteza de bonaj ideoj, Harold B. Mudie (London), la direktinto de kunvenoj. La ĉion forgesigantaj okazantaĵoj nunaj ne malhelpu, ke ni danke memoru tiujn idealistojn, oferintaj ĉion sur la altaro de grandioza ideo.




D-ro Edmond PRIVAT, 1908

La nunan Komitaton de UEA partoprenas sinjoroj Ed. Stettler (Bern) jam 1908 Vicdelegito en Bern, Paul Blaise, seninterrompe Komitatano por Britujo, Fritz Rockmann (Magdeburg), siatempe estro de l' junula fako de UEA, hodiaŭ administrante la aferojn de l'Asocio en Germanujo. Kaj fine, la redaktoro de tiu-ĉi gazeto, D-ro Privat, la propagandisto en ĉiuj partoj de l' mondo. (Dum la fondo de UEA li travojaĝis Usonon kaj estis akceptita en la Blanka Domo de l' tiama prezidanto Theodore Roosevelt.)

Sed ni ankaŭ ne forgesu la simplan soldaton de l'armeo por la paco. Por fari militon oni bezonas monon kaj multan. Por eviti la militon necesas ankaŭ mono. Kaj movado por alporti ŝtonon fundamentan en la plibonigo de l'interpopola vivo ne povas sukcesi sen ĝi. Al ili, la kotizantoj regulaj, UEA esprimas sian koran dankon. Estas kelkcentoj da personoj kiuj partoprenas la Asocion de l' komenco. Estas pruvo plej elokventa por la idea enhavo de nia lingvo kaj de UEA.

D-ro Zamenhof ja antaŭvidis ke iam la centro de l' movado estos en Svislando, tiu ĉi ekzemplo de harmonia kunlaboro de malsamaj gentoj. Tion li esprimis en letero, en jaro 1905 al Svisa Esperanto Societo :

*Kun granda plezuro mi legis en via letero, ke la svisaj Esperantistoj decidis inviti la Duan Kongreson en Svisujo. Tre bone, bonege ! Svisujo, kiu ne havante ian nacian lingvon, estas la plej neŭtrala lando en la tuta Eŭropo, estas la plej bona loko por kongreso neŭtrale homa, kaj mi esperas, ke tie ĉiuj Esperantistoj sentos sin bonege. Mi eĉ antaŭvidas, ke venos iam la tempo, kiam Svisujo fariĝos la natura konstanta centro de la tuta Esperantistaro.*

***

Jen en kelkaj linioj la estiĝo kaj evoluo de UEA. Fundamentita en la koroj de l'esperantistoj, ĝi daŭrigas sian vojon plenfide al dua etapo de l' marŝo :

UEA, la kerno de l'organizo esperantista.

---

# Esperantistaj problemoj

## XV

## La volo de l'popolo

*Estas ĝenerala deziro je unueca organizo kaj unika kotizo.*
*(Laŭtempa dirajo).*

La nuna artikolo celas eklumigi la efikon de la tielnomata demokrata regado de nia movado. Ni anstataŭu la vorton demokrata per la pli klara esprimo « popolrega ».

Ideala stato en publikaj aferoj estas, se la povo eliras rekte de la popolo. Tio postulas altan gradon de civitana disciplino, kian oni atingas nur post longa eduko. En Svislando, la postulo je memrego (le peuple souverain) trovis tre vastan efektivigon praktikan. Ŝerce iu diris, ke en Svislando la voĉdonado estas kvazaŭ dimanĉa sporto. Preskaŭ ĉiumonate okazas rekta decido per la popolo (referendumo, iniciato), ĉu tutsvisa, ĉu en unu el la 22 ŝtatoj (kantonoj) kiuj formas la konfederacion.

Alia formo de decido estas la parlamenta per elektitaj deputitoj. Oni scias, ke la decidoj en parlamento estas plej ofte fruktoj de tedaj marĉandadoj inter partioj (bela esprimo germana estas *Kuhhandel*, kio volas diri bovin-marĉandado). La interesoj tre diversaj ja ofte kontraŭstaras al la vera bezono eĉ al la ĝenerala deziro de la popolo. Tial la plej progresinta procedo estas, ke la popolo esprimu sin pri decido (Referendumo), komplika procedo, sed la sole ĝusta. Pri la praktika rezulto el tia « *demokrateco je ĉiu prezo* » oni prefere silentu.

Kiel movado por socia celo, kun devoj al la membroj, plenumas tiun postulon de partopreno en la regado ? Plejparte oni imitas la proceden antaŭe montritan. Grava komplikaĵo por movado estas, ke la decidoj devas okazi skribe kaj nur en tre malmultaj okazoj per rajtigitaj delegitoj. Movado aŭ organizaĵo tutlanda laboras ankoraŭ pli facile, ol universala movado ekzistanta en ĉiuj landoj.

La ideo de Esperanto-Parlamento, en kiu kunvenas la senditoj de lokaj grupoj, naciaj societoj k.t.p. estas ankaŭ unu el tiuj idealoj, kiujn la praktiko jam de longe montris ne taŭgaj. Mankas ĉiam la ĉefa kondiĉo : la devigrimedoj. Facile estas en Delegita kunveno akceptigi lerte redaktitan rezolucion. Poste la rezolucio kutime restas morta litero kiel tion pruvas multaj tiaj decidoj de la esperantistaj kongresoj.

Post tiuj teoriaj klarigoj ni venu al la kerno de la afero mem. Ni opinias tion, kion ni metis kiel moton de la nuna artikoleto : Unueca organizo-unika kotizo. La sekvantaj linioj celas objektive montri la mankojn de ĉia organizo, kiu dependas (devige) de la bonvolo de l'anaro.

### Genezo

En Parizo la reprezentantoj de la Brita, Franca, Germana, Itala kaj Sveda societoj naciaj, nuligis la kontrakton de Helsinki. Ni konstatu, ke tiuj societoj reprezentis la plimulton de la voĉoj ĉeestintaj (5401 *por* nuligo, 1068 *kontraŭ*, 1400 sindeteno, sume 7869).

Ni rimarkigu, ke tiu ĉi voĉdono devus esti la esprimo de la organizita esperantistaro (*nacie* organizita). Laŭ la informoj en la Jarlibro de la Esperanto-Movado, ĉiuj societoj esperantistaj (escepte de U.S.S.R.) indikis rondcifere 20000 membrojn [1]. Sekve : Reprezentitaj estis per Delegitoj 7869, ni diru eĉ 8000. La ceteraj 12.000, kiuj ne estis reprezentitaj, aŭ kiuj tute simple ne apartenas al la Konstanta Reprezentaro, ne havis eblecon diri sian opinion.

Ni prenu pro objektiveco alian bazon :

1) Ne ĉiuj societoj esperantistaj estas anoj de la K.R. Ne konsiderata estas la Sovjetlanda Unio, kiu havas inter 5000-6000 anojn.

2) Ekzistas je la fino de 1932 : 38 Naciaj societoj. El ili 34 troviĝas en la listo de la Konstanta Reprezentaro, prezentita al la kongreso en la Dokumentaro de la pariza kongreso, paĝo 68.

3) Sed el tiuj 34 societoj fakte estas nur 18 kiuj pagis la kotizon al la R.K. — Tiu ĉi sekve, nur enhavis la *duonon de* ĉiuj societoj ekzistantaj. La nombro de la voĉoj de la decidrajtaj societoj atingis 8009 (laŭ la sama indiko). Sekve 40 % de la nacie organizita esperantistaro.

*Konkludo :* La decido en Parizo neniel povas esti konsiderata kiel « vera esprimo de volo de l'esperantista popolo ». Por kompreni la juran situacion ni citu el la regularo de la Konstanta Reprezentaro tri paragrafojn (6, 12 kaj 15).

6. *Nacia societo, kiu ne pagis por la jaro ĝis unua de Julio, ne plu rajtas voĉdoni post tiu dato, ĝis ĝi pagas.*

12. *La decidoj de la kunsidoj de K.R. estas submetataj de la estraro al la naciaj societoj por skriba konfirmo. La voĉdono de societo, kiu ne respondas post du monatoj egalas al konfirmo. Por ekster-eŭropaj landoj la limo estas tri monatoj.*

15. *K.R. mem starigas kaj ŝanĝas sian regularon post proponoj de la naciaj societoj. Ĉia regularo ne povas enhavi ion, kio ne akordiĝas kun la kontrakto de Helsinki, kiu estas nur revizebla per interkonsento inter K.R. kaj la Universala Esperanto-Asocio.*

---

[1] Fakte 8 societoj ne indikis. Laŭ proporcie ilia nombro povas esti taksata je 5000.

### Evoluo

La « Konvencio de Parizo », kiu proponas lerte kaŝite la anstataŭon de UEA per alia organizaĵo, estis do akceptita. La evoluo de la tuta afero nun iris tiel :

Ellaboro de la statuto (Submeto al la naciaj societoj kaj al UEA). Voĉdono de la Naciaj Societoj (Voĉdono de UEA).

Ni sekvu tiun ĉi procedon. Laŭ la statutoj de la unuopaj societoj, la aliĝo dependas de la estraro aŭ de la grupoj, aŭ de ambaŭ kune. Akceptis *tuj* la proponitan statuton, la Brita Asocio (do ĝia estraro). La Franca Societo sekvis. Poste decidis la Germana Asocio.

La decido de la Germana Asocio estas la plej interesa. Pro du kaŭzoj. Unua : La prezidanto de la GEA, detale esploris la proponitan statuton kaj verkis ĝisfundan kritikon. Due : ĉiuj grupoj de la Germana Asocio estis informitaj pri la projekto de la nova organizaĵo kaj povis diskuti ĝin. Nu la rezultato de tiu ĉi voĉdono estas frakasa juĝo pri la « popolrega » spirito. Nome : el 125 grupoj respondis 4 (kaj ili *ne* akceptis la projekton).

Kiu partoprenas nian movadon, depost kiam oni povas paroli pri movado, t.e. inter 1905-1908, tute ne miras pri tio. Ne estas manko de intereso, ne estas nura inerteco. Estas aliaj kaŭzoj de tiu pasiveco, pri kio ni reparolos.

Ni diris, ke la Brita Asocio akceptis la novan organizaĵon. Okazis referendumo, por ke la decido estu aprobata de la membroj.

La decidanta kunveno okazis la sesan de Marto. Partoprenis persone kaj per anstataŭado 669 anojn. La voĉdono rezultigis :

451 p o r la decido de la BEA (respektive fidesprimo de la membroj al la estraro).
218 k o n t r a ŭ (Por vidpunkto de UEA).

669 voĉoj.

La Brita Asocio havis je la fino de 1932 : 1869 anojn. Sed rajtis partopreni tiun ĉi voĉdonon nur la pagintaj por 1933. Tio estas 1500. Kaj nun : El 1500 anoj, partoprenis tiun ĉi gravan voĉdonon nur 669, do 35 % de la membraro aŭ 45 % de la pagintaj por 1933. Apogis la decidon de la estraro 451, do eĉ ne triono de la paginta membraro. La ceteraj du trionoj de la membraro aŭ estas kontraŭ, aŭ tutsimple ne interesiĝas pri la afero kaj... silentas.

La Franca Societo nur per statuta paragrafo, kiu, se necesa plimulto ne estas atingata, decidrajtigas duan kunvenon, sukcesis akceptigi la aliĝon al la organiza projekto. (Propono de S-ro Warnier : Simpla kaj neta aliĝo al UFE : paĝo 172, revuo *Movado*, Nov.-Dec. 1932).

Konstato : La membraro de la Franca Societo je la fino de 1932 estis : 3037. Partoprenis aŭ estis reprezentitaj : 2537. Por aliĝo al UFE : 1494. Kontraŭ : 193, Deteno : 850. (Sume : 2537).

Konkludo : El pli ol 3000 anoj, nur la duono akceptis. La ceteraj kiel vi vidas ne interesiĝas, estas kontraŭ aŭ pro sento de respondeco ne volis akcepti ion, kies sekvon oni ne antaŭvidas.

### Konkludo :

Kial la estraro de UEA estas kontraŭ la dezirata nova organizaĵo, bazante sin ekskluzive sur la naciaj societoj ? Jam aliloke ni informis pri la sperto de UEA antaŭ 21 jaroj. Tiam ĝi prezentis planon de unueca organizo (Kiel nin organizi). Tiu ĉi plano retroviĝas en pluraj rajtoj en nunaj proponoj. Inter alie ankaŭ en tiu de S-ro Teo Jung, kies propono jam multe pli atentas pri realaĵoj.

Sed antaŭ 21 jaroj la intereso estis ankoraŭ malpli granda ol nun. Estas nur iuj *Esperanto-Politikistoj*, kiuj de tempo al tempo levas iun problemon kaj per ne ĉiam korektaj procedoj, erarigas la publikon. Ni akceptu, ke tio okazas pro sincera deziro, plibonigi ion en nia movado.

La dua argumento de UEA kontraŭ la prezentita organiza projekto kaj ties formo estas la ekskluziveco. Ekzistas 38 naciaj societoj kun 20000-25000 anoj. Sed tio ne estas la nombro de la esperantistoj neŭtralaj. La laboristaj societoj ja atingas preskaŭ tiun ĉi nombron (sen U.S.S.R.) kun societoj en nur dekdu landoj. La solvo de l'enigmo estas : Ekzistas pli ol okdekmil esperantistoj, kiuj *ne apartenas* al naciaj societoj, nek al laboristaj, nek al UEA. Pruvo : La statistiko de Profesoro Dietterle en 1928 « kaptis » 126000 Esperantistojn. El ili 42000 estis organizitaj en lokaj grupoj. Krome estis 17000 izolaj samideanoj kaj 68000 ne-organizitaj en lokoj kie estis grupoj. Tiuj nombroj estas certe nun pli altaj, post la atentindaj sukcesoj de la Cseh-kursoj.

La konsekvenco estas, ke en UEA kun 8000-9000 anoj troviĝas ĉ. 3000, kiuj ne estas nacie aŭ loke organizitaj.

La tria argumento de UEA estas, ke organizaĵo kiu volas efike labori, ne postulu tro da devigoj materiaj kaj moralaj. Materiaj devigoj, dependaj de voĉdonoj de la membraro estas absolute malcerta afero. Tion pruvas elokvente la supraj decidoj de tiuj tri gravaj societoj naciaj. Dependigi financan devon de voĉdono, estas regule granda fiasko por la ideo pri « popolregado ».

La kvara argumento de UEA estas, ke internacia organizaĵo estu simpla, ne tro dependa de voĉdonoj, sekve estu *interkonsento de komitatoj pri komunaj aranĝoj.* En tiu ĉi vico ni citu la Unikan kotizon. Ni ignoru la demagogian pretendon, ke per malalta kotizo, la famaj 50 centimoj, oni atingas grandegan membraron kaj povos liveri multon kiel oni ŝajnigis la rezulto de unueca organizo. Valoras tie-ĉi ripeti, ke en kelkaj landoj UEA jam posedas praktikajn aranĝojn por kune enkasigi la du kotizojn (nacia kaj internacia), eĉ malpli altajn ol antaŭe. Ni jam de jaroj laboris en tiu ĉi direkto. Sed ni diru ankaŭ tie-ĉi : Esprimi deziron, akceptigi rezolucion, estas facilega. La efektivigo povas daŭri jarojn ĝis kontintiga stato estas atingita.

Fina vorto : Montriĝas el tiuj ekzemploj ke la plimulto de la nacie organizita esperantistaro, tute ne havas intereson pri unueca organizo. Kion ĝi kontraŭe deziras, estas simpla aranĝo de UEA kun la naciaj societoj, kiel ekzemple en Ĉeĥoslovakio kaj Aŭstrio. Neniu, ni ripetu, neniu el la instigantoj de la subita rompo en Parizo faris al si la penon, studi la sperton de la UEA oficejo en Hradec-Králové (Ĉeĥoslovakio). La plej bona pruvo de la harmonia kunlaboro inter UEA kaj la ĉeĥoslovaka Asocio estas, ke la ĈAE en sia nuna jarkunveno malakceptis aliĝi al UFE. La decidoj venontaj de ceteraj societoj pravigos la sintenon de Universala Esperanto-Asocio. Kaj tiuj societoj, kiuj nenion decidos certe scias pro kiu kaŭzo.

(H. J.)

# El la historio de UEA

## La kreinto de Esperanto pri la rolo de UEA

*D-ro Zamenhof frue jam okupiĝis pri ĝenerala organiziĝo de la Esperantistoj. Ĉiuj provoj malsukcesis. En 1908 UEA fondiĝis. Kiel D-ro Zamenhof komprenis la celon de la Asocio, ja montras jena parolado, farita dum la kunvenoj de UEA en Barcelona okaze de la kvina kongreso universala de Esperanto. D-ro Zamenhof akceptis poste la honoran prezidantecon de UEA kaj konservis amikajn rilatojn ĝis lia morto kun la gvidantoj de la Asocio.*

Estimataj Membroj de UEA,

Sinjoro Mudie, via prezidanto petis, ke mi diru ĉe via kunveno kelkajn vortojn de laŭdo aŭ mallaŭdo



Fot. Pirou, boul. St-Germain, Paris

Dro L. L. ZAMENHOF

AŬTORO DE LA LINGVO ESPERANTO

pri la agado de via Asocio. Ĉu mi esprimos laŭdon aŭ mallaŭdon, la respondo ne povas esti duba: post la tiel bonaj kaj gravaj raportoj, kiuj estis legitaj, post la agado, kiu en la daŭro de la lasta jaro estis plenumita de UEA ne povas resti eĉ la plej malgranda dubo pri tio, ke lasante flanke la instituciojn oficialajn, UEA fariĝis la plej grava institucio de nia movado kaj ĝi al nia afero alportis pli kaj pli da utileco.

Antaŭ kvin jaroj ĉe la Bulonja Kongreso estis prezentita projekto de ĝenerala organizaĵo por la tuta Esperantistaro. La kongreso tiam ne volis tiun projekton kaj per deklaro difinis, ke estas nomata Esperantisto ĉiu persono, kiu scias kaj uzas Esperanton, tute egale por kiaj celoj, kaj ke nia movado ne estas oficiale ligita kun ia speciala idealo, kvankam la plej multaj el la Esperantistoj, ja sentis tiun idealon kaj estis konstante gvidataj de ĝi. Sed kelkaj Esperantistoj havis la bonan ideon fari per vojo privata tion, kion oficiale fari ni ne povis. Ili kunigis ne ĉiujn Esperantistojn, sed nur tiujn personojn, kiuj akceptinte la *Internan ideon* de Esperantismo, deziras esti unuigitaj de internacia organizaĵo por reciproka sinservado kaj alproksimiĝado, ĉar ili pensas, ke ili tiamaniere pli kaj pli multigos inter si ligilojn de solidareco kaj sian celon atingos pli rapide, ol per izola agado.

UEA unuigas do ne ĉiujn Esperantistojn sed ĉiujn Esperantismanojn, tio estas ĉiuj tiuj homoj, kiuj konsideras ne nur Esperanton en ĝia ekstera lingva formo, sed ankaŭ ĝian internan ideon. Ke la pli granda parto de la esperantistaro konsentas kun tiu ĉi ideo pruvas la fakto, ke en malmulte da tempo via Asocio ricevis la plej favoran akcepton en nia movado. Oni ĉie komprenas, ke UEA liveras taŭgan neŭtralan fundamenton, por ĉiuj interhomaj interrilatoj kaj servoj, kaj el tiu ĉi reciproka sinhelpado rezultos pli da amikeco kaj estimo inter la gentoj kaj foriĝos la baroj kiuj malhelpas ilian pacan interkomunikiĝon. En tiu ĉi principo kuŝas la ĉefa graveco de via Asocio.

Dum la oficiala Esperantistaro laŭ la deklaro de Boulogne estas devigata al plena neŭtraleco rilate al tio kaj devas sin limigi nur al pure esperantaj demandoj, UEA, ĉar ĝi reprezentas nur personojn kiuj deziras esti organizitaj por difinita celo aprobita de ili, povas fari grandan laboron, kiu havos grandan signifon rilate al la interna ideo de Esperantismo.

Mi do estas plene konvinkita, pri la utileco de via Asocio kaj la Esperantisma karaktero de la laboro kiun vi jam plenumis kaj ankaŭ plenumos. Mi fine sentas la devon gratuli kaj danki la sindonajn fondintojn de UEA kiuj per sia obstina laboro kaj penado povis alkonduki tiun institucion sur la bona vojo kie ĝi nun staras. Mi de via Asocio atendas multe da bono por nia afero, kaj mi tutkore esperas ke UEA faros ĉiam pli gravajn progresojn kaj per sia rapida plifortikiĝo nin ŝovos antaŭen al la baldaŭa realigo de Esperantismo.

L. L. Zamenhof.

(EL ESPERANTO, N-ro 62)

---

*« La ideoj nek estas netuŝeblaj, nek eternaj. Ofte ili estis ŝanĝataj dum la estinto, ili povos ankaŭ ŝanĝi estonte. La sorto, kiu nin enkatenigas kaj el kiu ŝajnas maleble liberiĝi, povas esti aliformigita per volo potenca. La batalo de la volo kontraŭ blindaj povoj estas la esenco de l'historio. Por fortaj animoj, la sorto ne estas tribunalo sen apelacio. Tial ni vekiĝu ! Ni unuiĝu ! Kaj ĉefe ni laboru ! laboru ! »*

H. Hodler.

# Kompreni kaj Apliki

De la momento, kiam ni antaŭ du jaroj komencis batali por tiu ideo, ke nur per la praktika agado kaj sia propra utileco Esperanto povos sin trudi al la mondo, ni havis la ĝojon konstati, ke tiu tendenco iom-post-iom enpenetris la Esperantistaron kaj pli kaj pli inspiris ĝian agadon. Precipe de la momento, kiam per la fondo de UEA tiuj ideoj povis ricevi materialan efektiviĝon, multenombraj estas la homoj, kiuj venis al ni kun tiu certeco, kiun donas la sento pri irado sur klare difinita vojo. Ĉie oni nun ekkomprenas, ke por vivigi Esperanton oni devas ĝin uzi, ke nur propagandi kaj predikadi estas konstrui sur sablo, se ne vivas kaj interne disvolviĝas ĉi tio, por kio vi predikadas, ke nia venko estos nia propra verko kaj ni de la eksteraj rondoj devas malmulte atendi. Tion ĉi oni nun komprenas en multaj lokoj, kaj tio estas ĝojiga. Sed kompreni kaj aprobi ne sufiĉas; estas ankaŭ necese apliki tiun komprenon. Ne sufiĉas diri, ke Esperanto povos vivi nur se per ĝi estas organizataj praktikaj servoj, ke la principo kaj organizo de UEA estas tre taŭga kaj helpinda; estas ankaŭ bezone, apliki ĉi tiujn pensojn en la ĉiutaga ordinara vivo kaj uzi Esperanton kaj UEA tute kiel oni uzas nacian lingvon kaj publikajn servojn, t.e. ĉiufoje kiam oni bezonas ilin por siaj aferoj.

Tro multaj estas ankoraŭ la personoj, kiuj, ĉar ili opinias, ke la sukceso de Esperanto venos, neatendite, per ekstera aŭtoritato, zorge apartigas ĝin el sia vivo ĉiutaga kaj ĝin konsideras simple kiel distraĵon. Tiuj personoj vizitas la grupkonvenon de sia loko, aktive partoprenas en ĝiaj intrigetoj, iafoje ellernas Esperanton kaj eĉ sin tre okupas pri lingvaj detaloj en ĝi, veturas ĉiujare al kongresurbo, aprobas UEA kaj ĉion, kion ni diras...; tamen en la vivo ordinara, kvankam ili estas homoj interesataj en la vivo internacia per tia aŭ alia fako, ili sin zorge detenas el la uzo de niaj servoj, kiujn ili ignoras. Ili ne aplikas tion, kion ili komprenas kaj aprobas. Fakte, la labortempo de ĉiu homo estas dividebla en du partoj : la unua, la serioza, rilatas al la ĉiutaga vivo; la homo fervore sin okupas pri ĉio, kio povas plibonigi lian situacion aŭ lian taskon, li aplikas tuj tion, kio povas lin helpi, ĉar tion postulas la bezono; la dua, la distra, rilatas al la priokupoj de l'homo ekster lia afera labortago; li sin okupos ĉu pri sporto, ĉu pri teatro, ĉu pri arto, ĉu pri disvastigo de nova socia, religia aŭ filozofia sistemo, ĉu pri... Esperanto. Al tiu okupo li dediĉos multe da fervoro kaj konvinko, li elspezos tempon, monon kaj forton, sed la konkretajn rezultatojn li ne aplikas en sia ĉiutaga laboro. Tiaj apostoloj estas, tute senvole, la plej grandaj malamikoj de Esperanto.

Iuj diros al ni : Sed mi, male, ĉiutage parolas pri Esperanto kaj al ĝi direktas ĉiujn miajn pensojn. Ĉiufoje kiam iu min alparolas, mi aludas pri Esperanto; kiam mi vojaĝas, mi superŝutas miajn najbarojn per propagandiloj; ĉiujn homojn mi penas esperantistigi, montrante al ili la bonaĵojn de nia lingvo; ĉu mi do ne aplikas tion, kion mi komprenas ? Al tio ni respondas : unue, vi ne komprenas propagandi Esperanton alie ol per faktoj, konigi ĝin al ĉiuj homoj, tute egale ĉu kaj kiel ili bezonas ĝin, pli maltutilas ol utilas; due, apliki signifas uzi ian konon laŭ la postuloj de l'bezono kaj ebleco, ne laŭ simpla fantazio. Tia « propagando » trudema, senhalta, senorda, maltrankviliga, kondukas al danĝeraj rezultatoj. Mi konas lokojn, kie tia propagandmaniero, enkorpigita en la formo de trobrava broŝurdisdonisto, neebligis ĉiam seriozan movadon dum longa tempo.

Kiel do apliki Esperanton en la ĉiutaga vivo ? Unua kondiĉo por apliki kaj uzi la servojn livereblajn per Esperanto kaj UEA estas koni ilin, t.e. oni ne nur komprenu la ĝeneralan utilecon de UEA, sed detale sciu la funkciadon de niaj servoj, la manierojn ilin uzi en la diversaj okazoj de l'vivo ordinara. Tio estas nek malfacila, nek longa; ĝi tamen kiel ĉiu kono necesigas kelktempan atenton. Niaj diversaj eldonaĵoj konigas tiujn servojn en maniero sufiĉe detala, ke post legado de ili ĉiu estos kapabla utile apliki, laŭ la bezono, la servojn, kiujn ebligas nia lingvo, pli speciale por UEA ne en eksterordinaraj okazoj, sed en tia aŭ alia fako de la kutima afera vivo. Maloftaj estas la okazoj, kiam iu ne povas ricevi direktan utilon el tiu uzado, kaj se li en nenia fako bezonas Esperanton tio signifas, ke li havas nenian intereson en la vivo internacia, sekve nun ĉu tute senutile lernis Esperanton ĉu ĝin lernis simple pro distrado aŭ pro teoria kaŭzo. Fine, se oni deziras propagandi Esperanton konstante, oni sin turnu nur al homoj, kiuj je definita momento, povus ricevi utilon el nia afero por siaj ĉiutagaj okupoj; atentigu ilin ne al Esperanto mem kiel lingvo sed al la servoj, kiujn ili povas havi dank'al Esperanto. Ili tiam pli rapide kaj daŭre konvinkiĝos ol per superŝutado de propagandiloj.

Tiu agado de UEA en la ĉiutaga kaj ĉiufaka vivo de la homoj, kies interesoj preterpasas la limojn de ilia lando, — uzado ebla tuj de nun — estos utila al nia afero ne nur per tio, ke ĝi montros niajn mankojn, niajn difektojn, kaj ebligos konstantan korektadon de ili, ne laŭ teorioj konstante diskuteblaj, sed laŭ la postuloj de la praktiko, kiu ne eraras. Ĝi utilos al tio, ke homoj materiale implikitaj en ĝi pli kaj pli interesiĝos al ĝi kaj tiel kreiĝos inter niaj membroj asocia vivo kaj pligrandiĝos la sento de solidareco, kiun kreas la reciproka bezono kaj servado, kaj sen kiu grava organizaĵo ne povas plenumi utilan rolon.

Unuvorte, oni pruvu sian konfidon al Esperanto, uzante ĝin en ĉiuj okazoj, jam sufiĉe multaj, kiam ĝi povas servi; oni apliku tion, kion oni komprenas kaj aprobas. El tio dependas la venko. Areto da modestaj homoj, kiuj por siaj aferoj uzas Esperanton kaj UEA en la sama maniero kiel ili uzas nacian lingvon kaj naciajn servojn, multege pli valoras kaj konstruas, ol miloj da aproboj de personoj, kiuj zorge apartigas Esperanton el sia ĉiutaga vivo kaj ne kuraĝas apliki ĉi tion, pri kio ili penas konvinki la aliajn. Ĉi tio jam estis ofte dirita, sed ĝi tamen ne ĉesis esti dirinda.

H. HODLER.

(*Esperanto*, N-ro 53, Aprilo 1909.)

# La Socia Signifo de UEA

*Ni publikigas ĉi tie la unuan parton de la raporto pri UEA, farita de S-ro H. Hodler, ĉe la* Tutmonda Kongreso *de la* Internaciaj Asocioj *en Bruselo. La dua parto rilatas al la organizo kaj servoj de UEA; ni ne publikigos ĝin ĉie tie.*

***

Ni de la komenco deziras forigi ĉian malkompreniĝon, kiun povus naski la vorto Esperanto en la titolo de la Asocio, reprezentata de ni : Universala Esperanto-Asocio neniel celas propagandi la lingvon Esperanto; ĝi ne okupiĝas pri la problemo de lingvo internacia. Ĝi nur estas internacia organizaĵo, kiu uzas la lingvon Esperanto por siaj internaj rilatoj tute same kiel nacia societo uzas la nacian lingvon en kiu ĝi estas.

La vorto Esperanto estas en la titolo de nia Asocio ĉar ĝi unuflanke rememorigas la nomon de l'ilo la plej necesega por la funkciado de nia organizaĵo, aliflanke ĉar la vorto Esperanto estas intime ligita kun la movado nomita Esperantismo, kies principojn fiksis D-ro Zamenhof (kiu, kiel sciate, subskribis sian unuan verkon per la pseŭdonimo Esperanto) — principoj por kies realigo laboradas UEA.

Dirinte ĉi tion por klare montri, ke nia Asocio ne estas esperantista en la ordinara senco de tiu vorto, ni vidu, kion ĝi celas, kiel ĝi komprenas la internaciismon.

UEA, kiel fiksas ĝia statuto, celas plifaciligi la materialajn kaj moralajn rilatojn inter homoj de malsamaj lingvoj, nacioj, rasoj, kaj krei inter ili potencan ligilon de solidareco.

Por atingi tiun ĉi celon ĝi klopodas krei diversajn praktikajn *servojn*, kiujn de nun povas uzi ĉiuj personoj, institucioj, organizaĵoj, kiuj partoprenas en la vivo internacia.

En Kongreso de la Internaciaj Asocioj estas ja neutile montri ĝis kia grado plialtiĝis la rilatoj inter individuoj kaj institucioj de malsamaj nacioj, kiel super la naciaj lingvoj aŭ rasaj baroj, kreiĝas sento de solidareco ĉiutage pli profunda. Oni tamen ja ne devas nuntempe trograndigi la gravecon de tiu tendenco al internaciismo kaj tro esperi al ĝi. Kiel ĝi estas nun komprenata de la plimulto de tiuj homoj, kiuj sin diras ĝiaj partianoj, la internaciismo, kiel ankaŭ la pacifismo, celas nur plifaciligi la rilatojn inter la *nacioj* aŭ naciaj institucioj; ĝi nenion kreas *super* ili.

En sia verko pri la « Internacia Organizo de la Internaciaj Asocioj », S-ro P. Otlet skribas : « Venis nun la momento transiri nun el la negativa fazo de l'internaciismo, karakterizata per la paciga movado, al la fazo pozitiva karakterizota per tutmondaj entreprenoj. La forigo de la milito ne pli sufiĉas por organizi la vivon internacian ol la forigo de la revolucioj sufiĉis por organizi la civilizecon kaj prosperecon de regno. » Alivorte, por ke ekzistu vivo internacia, estas necesega, ke ekzistu internaciaj institucioj. Restas la demando, ĉu tio estas ebla sur la fundamento de la nuna internaciismo.

Malgraŭ la nekontesteblaj progresoj de l'internaciismo dum la lasta jarcento, ni daŭras pensi *nacie*, juĝi ĉiun verkon laŭ nia pure nacia kriterio, ni daŭras konsideri la nacion kiel la plej altan gradon de l'socia organizo kaj ĉion dependigi de ĝi.

Vidu do tiel nomatan internacian kongreson, ĉu de sciencistoj, ĉu de aferistoj, ĉu de laboristoj. Angloj, Francoj, Germanoj, Italoj, Rusoj kunestas; oni ellaboras komplikajn regularojn por starigi perfektan egalecon de rajtoj inter la reprezentantoj de la diversaj nacioj, kvankam oni ja ne ĉiam sukcesas; oni ornamas la kunvenejojn per standardoj de la reprezentitaj nacioj, zorgante pri ĉies ofendemiĝemeco, pri ĉiuj memestimoj; oni penas forigi el la diskutoj ĉiujn temojn, kontraŭajn al la reguloj de internacia ĝentileco, kiu, pro manko de alia pli fortika neŭtrala fundamento, ebligas, ke la kongresoj okazas kun ne tromultaj malfacilaĵoj. Povas partopreni en la debatoj nur tiuj homoj, kiuj havas la privilegion koni plurajn lingvojn; post ĉiu kunveno, Angloj, Francoj, Germanoj, Italoj, Rusoj, aparte reiras al siaj respektivaj hoteloj; vi ne sentas inter kongresanoj de malsamaj landoj tiun saman senĝenecon, tiun konfidon, tiun idekomunecon, kiuj regas inter samlandaj kongresanoj. Inter la unuaj ĉio estas malsama : lingvo, organizo, tradicio, priokupoj. Ili antaŭ ĉio estas Angloj, Francoj, Germanoj. Inter la duaj, kontraŭe, plena egaleco pri origino. Ili estas landanoj antaŭ ol esti anoj de tia aŭ alia urbo aŭ provinco. Io komplete organizita ekzistas super la urbo aŭ la provinco : la nacio, sed kio nun ekzistas super la nacio ? — Kunmetado de diversnaciaj homoj, sen forta interligilo, jen la nunaj internaciaj kongresoj. La internaciismo, kiel ĝi estas hodiaŭ komprenata, povas nenion pli.

Ĉu vi permesos, ke al tiu tipo de internaciaj kongresoj mi prezentu al vi kongreson Esperantistan. Vi per tio konscios pri la diferenco, kiu ekzistas inter la internaciismo kaj la Esperantismo, kiel ĝin konsideras nia Asocio.

Angloj, Francoj, Germanoj, k.a. kunestas, sed tio ne estas ilia ĉefa titolo; tuj kiam ili partoprenas en la kongreso, ili ĉesis esti Angloj, Francoj, Germanoj, kaj refariĝis *homoj*. Unika standardo, kiu simbolas ilian komunan idealon, ornamas iliajn kunvenojn, la verda standardo de l'Esperantismo.

Unika lingvo estas parolata de la ĉiunaciaj partoprenantoj : Esperanto. Inter ĉiuj kongresanoj plena egaleco, kiu rezultas ne el rompebla ekvilibrigo de la naciaj apetitoj kaj memestimoj aŭ el simpla ĝentileco, sed el tio, ke ĉiuj interrilatas sur neŭtrala fundamento, ke la partoprenantoj havas la impreson, ke ili ne apartenas al diversaj nacioj, sed ke ili ja komunikas unu kun la alia kvazaŭ ili estus el sama popolo. Kaj ĉu ili fakte ne formas popolon, ĉar ili ja uzas saman lingvon, saman monsistemon, ĉar malgraŭ la diverseco de la politikaj aŭ religiaj opinioj, de sia socia situacio, de sia nacieco, ili klare sentas, ke inter ili estas komuna idealo, al kiu ĉiuj povas iri ne forlasante sian patran lingvon, nek sian naciecon kaj ĝiajn tradiciojn.

Dum la internaciismo kunigas *nacianojn* kaj penas faciligi iliajn interrilatojn, sin apogante antaŭ ĉio sur la *nacioj*, konsiderante la naciojn kiel la ĉefajn organojn de ĉia internacia organizo, la Esperantismo kunigas *homojn;* ĝi ignoras naciecon, lingvon kaj rason. Ĝi sin turnas ne al la nacioj, sed al la homoj kiuj deziras interrilati unu kun la alia. Liveri al tiuj homoj neŭtralan organizaĵon dank'al kiu ili povos plimultigi siajn interrilatojn, sin reciproke alservadi, kunigi sian penadon por komuna agado ĉiam pli kaj pli interkonatiĝi; kreskigi inter ili ĉiam pli profundan senton de solidareco; instrui ilin tiel ke ili juĝu ne laŭ pure nacia vidpunkto, sed laŭ neŭtrale homa, eksternacia kriterio; fine edukadi la popolamasojn, ne per propagando, sed per kreado de materialaj, palpeblaj servoj, tiel ke la plej humila homo, kun la tempo, konsciu pri la grava instruo de internaciismo, kiu elŝprucas el tio, jen la tasko de Universala Esperanto-Asocio.

H. Hodler.

(*Esperanto*, N-ro 78, Majo 1910.)

# Literaturo

## Ombroj kaj Lumoj

**Humoraĵo de Abel Kommok**

La gepatroj lin edzigis. Ili trovis la knabinon. Li filobee akceptis. Akilo Taraskalda edziĝis kun Irena Milisinopulo. Taraskalda-oj vivis en Tunis, komercis je fruktoj por eksporto. Milisinopulo-oj vivis en Korinto, kaj ilia knabino Irena plurfoje vizitis sian onklon en Tunis; tiel la greka fraŭlino edziniĝis kun la tunisano. La edziĝo okazis en perfektaj cirkonstancoj, tute en ordo, kun ĉiuj tradiciaĵoj dece plenumitaj. La junulino estis honesta, sana, beleta, laborema, hejmamanta, virtoplena... Sed, sed, la obea filo ekribelis, rifuzis la junedzinon, komencis juĝproceson por la eksedziĝo,... du semajnoj post la edziĝa ceremonio. Por la historio de la homaro, por la deklaro de la kompleta vero pri tiu neordinara incidento, la detala rakonto urĝas.

Akilo Taraskalda, etalta larĝkorpa tridekjarulo, kun nigregaj fortaj haroj, densaj hirtaj brovegoj, agla nazo decgranda, estis puranima infanulo, zorge edukita per piaj kaj sentimentaj libroj; li konis perfekte la mekanismon de la fruktokomerco (por eksporto) en ĉiuj ĝiaj realaj detaloj, (en plena nokto li povus difini la specon de iu ajn oranĝo nur palpante ĝin, aŭ diveni originlandon de la kesto nur flarante...) — sed la cetera mondo, la urba vivo en Tunis, eĉ la vivo de la najbararo, ĉio alia ol la fruktokomerco (por eksporto), restis por li kiel io tre malproksima, ideala, nubpendanta. Sola filo, li konis proksime nur du virinojn : la patrinon kaj la samaĝan servistinon Maritolna-n. Alia afero estis la malproksimaj knabinoj, fraŭlinoj, la estaĵoj esence diferencaj de la du hejmaninoj. Akilo, depost sia frua aĝo, preskaŭ de la sepa jaro, atente studis ecojn, kutimojn, morojn de tiuj strange altiraj, poeziaj estaĵoj, de Esmeralda, de Virginia, de Graziella, de Fabiola, de Lidia, de aliaj dekdek junaj heroinoj, plej detale priskribitaj en la romanoj de Victor Hugo, George Sand, Lamartine, Genlis. La libroj neniam trompis Akilon, do, li firme, absolute, fervore kredis al ĉiu presita vorto.

Nun, la knabino Irena, la perfekta specimeno de la ideala mondo da fraŭlinoj, iĝis lia sakramenta vivkunulino, kiu, laŭ la kristana leĝo, de nun apartenis al li korpe kaj anime... Ho, kia revo, kia grandioza realiĝo... Oh, la paradiza beataĵo.. Suprenportanta... Animlevanta... Dieca... — Tiaj pensoj, kiel purpuraj nuboj sur la velurblua ĉielo, kuregis tra lia nebulfeliĉa kapo, dum la ceremonio en la kapelo. Sed, la horo sekvanta jam portis kun si unuan kruelan baton, post kiu falis, falegis, aliaj frapoj, senkonsciigaj bategoj, animmordegaj eltrovoj...

La unua bato estis ĉe la solena tablo, tuj post la kapelo, je la tagmezo, en la ĉeesto de ĉiuj tridek invititoj. Irena... *manĝis*, manĝis, kun granda apetito, tute proze, maĉante, glutante, kun ĉiuj realaj signoj de la fiziologia plenigado de la stomako... Kia falo, kia eltrovo... Akilo, ne povis kredi ke apud li sidas « la fraŭlino », la poezia estaĵo, vivanta per matenroso, rozpetaloj kaj flornektaro... la ideala estaĵo flirtetanta de nubo al nubo, de aŭroro al aŭroro, direktanta la diecajn okulojn al la eterna ĉielo... la surtera anĝelo ĉiam sopiranta al la supro... Ho, kia trompego, kia misŝanĝo... Sidi apud tiu, kiu laŭnome apartenas al la « fraŭlinoj », kaj fakte estas materia virino, ne diferenca de la servistino Maritolna, ŝatanta mordegi la grasgutantajn kolbasojn, ŝtopi la buŝon per la pecegoj da pano, tralavi la gorĝon per glutegoj da biero, vino, kafo,... Ne, ŝi ne estas tio, kion oni promesis al li,... kaj la malfeliĉega junedzo apenaŭ sin regis, konvulsie sin kunpremis interne, pro ĝentilemo ŝajnigis esti afabla kaj gaja ; se li sukcesis tiun ŝajnigon, ĝi eblis nur dank'al la tute nova por li sento, la abomeno ; jes la abomeno. En tiu momento li jam klare eksentis ke li malamas, malestimas, abomenas la novedzinon, kiu false portinte la gloran nomon de la « fraŭlino », reale estis la repuŝanta fivirino, kun la plej malaltaj bestaj instinktoj, kun la tute tera fiziologio, kun la materia organaro, ostaro, artikadanta, funkcianta, kun la maŝina kraketado, mekanika ritma movado de la makzeloj, muskolmovoj, ene glitfrotantaj dank'al la graso, tute kiel la maŝino naftoleita... Kia teruro, kia elreviĝo...

La tagoj, kiuj sekvis, nur konfirmis al Akilo ke lia unua impreso estis pli ol ĝusta. Kaj kiel oni ne kuraĝas tuŝi la plej altan sanktaĵon, tiel — sed maldirekte — la juna edzo evitis la plej etan tuŝon al la materia estaĵo, kiu rompis liajn intimajn kaj purajn revojn pri la poeziulinoj... Terurigitaj gepatroj faris ĉion por mildigi la situacion, ne komprenante la aferon,... sed estis jam malfrue : la junedzino subite forlasis la domon, por ploretante reveni al siaj hejmanoj en Korinto. Tiel finis unua akto de la tragedio, en kiu ĉiuj agintoj estis perfekte bonintencaj, honestaj, senriproĉaj.

Maritolna havis ĉarman nokteton. En sia lito, tuŝanta la intermuron, ŝi klare aŭdis preskaŭ unuhoran laŭtparoladon, solparoladon de Akilo, kiu dekfoje ripetis laŭte al si mem sian funebran historion de la elreviĝo, kun ĉiuj detaloj, kun ĉiuj intimaj pensoj, antaŭaj revoj kaj nunaj elreviĝoj... Li ja estis tute izolita en sia ĉambreto, malproksima de la gepatroj, ŝirmita per la intermuro de Maritolna, la surda maljuna servistino... Kaj en la nokta silento fluis plenda kantoparolo de la mortfrapita koro...

Teorie, la servistino Maritolna estis surda, tion ĉiuj sciis, jam de jaroj. Fakte, ŝi posedis bonegan aŭdon, delikatan orelsenton, kaj la surdeco estis nur ŝia taktiko, adoptita depost la junaĝo. Oh, kiom utila taktiko, profitiga, ĉionsciiganta, permesanta koni la plej intimajn sekretojn... Ekzistas tiaj primitivaj, preskaŭ bestecaj estaĵoj, kiuj uzas ruzegon de ŝajna naiveco kaj nescio,... simile al la skaraboj kiuj ŝtoniĝas, ŝajnigas morton en la momento kiam vi ilin tuŝas, aŭ nur fiks-rigardas... Nu, Maritolna estis tia skarabo, ŝajne rigidiĝa por la tuta vivo, sed reale... tre elasta, tre sentanta, varmevibranta per sia tuta estaĵo.

Maritolna ne tuj endormiĝis post kiam ĉesis la instruoplena solparolo de Akilo. Longe ŝi meditis ; profunde pensis ŝia cerbo, kaj solvo estis trovita, en plej preciza formo. Genia formo. Akilo estis malfeliĉa kun la graseta grekino, do Akilo estos feliĉa kun tiu svelta ulineto kies ĉiuj kvalitoj estas malaj, kontraŭaj, malsimilaj. « Klare, kiel tago kaj nokto, kiel sukero kaj salo... Tiu ulineto ekzistis : ŝi estas fraŭlino Aneta. Irena nigra, Aneta blonda. Irena multon manĝanta,

Aneta nenion... La grekino praktika, la frankino[1] nepraktika ».

Aneta estis, kiel diras predikantoj, erarinta ŝafino. El norda lando, migrante, ĵetata de la hazardoj de l'sorto, ŝi rulis, rulis... ĝis Tuniso, kie ŝi daŭrigis gajni la vivon per la plej facila... tio estas la plej malgaja metio. Post la kruda prozo de la metio, ŝi ripozadis en svena peza dormo, poste vizitadis siajn kunulinojn, por babili, frandumi, legi « bulvardajn » romanojn, fantazii, revi pri la estonteco... Maritolna ne konis ŝian realan vivon, nur tiun ŝi kreis al la servistino per la fantaziaj rakontoj, laŭ kiuj Aneta estis « senkulpa knabino » ruze forrabita de sia hejmo en Londono, perforte venigita al Tuniso, por esti vendota al iu bejo, en la haremon, sed hazarde forkurinta, kaj nun laboranta kiel... « profesorino » de la angla, atendante la tagon kiam la ŝparaĵoj permesos la revenon al Londono. Kial ŝi ne skribas al sia hejmo, kial ŝi ne serĉas helpon de la brita konsulo, ktp., pri tio ŝi donis komplikajn klarigojn, kiuj ŝajnis al Malitolna tute naturaj; ankaŭ ne mirigis la servistinon tiu fakto ke la profesorino amikumas kun la kuiristino... Entute Maritolna adoris « la blankan anĝelon », — tiel ŝi nomis Aneta-n. Morgaŭ Aneta sciis preskaŭ parkere la noktan paroladon de Akilo. Maritolna konsilis, planis; Aneta akceptis, kompletigis la planon, donis detalajn instrukciojn, precizajn indikojn por la tuja agado. Kaj la plano perfekte plenumiĝis.

Pasis unu monato. Akilo Taraskalda estis plene konsolita. Li trovis « la fraŭlinon », la idealan estaĵon, la poezieman anĝelon. La gepatroj blinde akceptis konvinkon de sia amata solfilo. Solenis la dua fianĉiĝo de Akilo Taraskalda kun Aneta Helmund. La juĝa proceso finis, aljuĝinte dek mil drakmojn al la grekino, kiu finfine forgesis la malagrablon, reedziniĝinte kun brava korintano. Jam antaŭ la edziĝa ceremonio la pala fianĉino ekloĝis en la domo de Taraskalda. La gepatroj estis feliĉaj, ravitaj de la milda knabino, tiom delikata, karesema. Akilo vivis apenaŭ spirante, apud la anĝeleto, kvazaŭ lia bloveto povus forporti la eteran estaĵon for de la tero. Aneta preskaŭ nenion manĝis, kio elvokis mokegojn kaj kolerojn (... taktiko...) de Maritolna: la kuiristino-servistino, kiam ne ĉeestis Aneta, laŭte fiĵuris, insultis la malgrasan knabinon... « kiu ne valoras eĉ fingron de la antaŭa fianĉino... ». Kelkaj fruktoj, orientaj sukeraĵoj, tiom ŝatataj en islamaj landoj, kuketoj... tion, kvazaŭ kontraŭvole, akceptadis la knabino. Sed ĉe la tagmanĝo oni havis grandan penon perforte, per longaj paroloj, petoj, devigi ŝin engluti guteton da supo, aŭ da fritaĵo. Akilo triumfis... la romanoj ne erarigis lin, li ja trovis tiun maloftaĵon kiu estas ja tute ordinara afero por la poetoj, romantikuloj. Se la helulineto ne manĝis, la feliĉa fianĉo, ĉe la tablo, manĝegis ŝin per siaj ardaj okuloj. ... Sed, en la nokta mallumo, kiam oni dormis, la fidela Maritolna senbrue ŝtelglitis al la Aneta kun abundaj pladoj, kaj preskaŭ ploris pro la feliĉo aŭdeti la anĝelinon avide mordantan la sukoplenan nutraĵon... « Ts-ts... ne tro laŭte maĉu... vi... oni nenion aŭdu... »

Aneta iĝis bonega edzino. La honesta vivo rapide transformis ŝin. El ĉio antaŭe okazinta, el sia antaŭa vivo, ŝi konservis nur emon al la romanoj, fantaziaj rakontoj, frandaĵoj. Nun, la juna edzo, al kiu la noveco de la etera estaĵo jam iĝis kutima, komencis deziri ke Aneta estu iom pli tera, pli vivanta... « Ho, mi reedukos ŝin, la delikatulinon ». Kaj la edukado sukcese marŝis. La apetito, obea al la volo de la edzo, grandiĝis, grandiĝis, preskaŭ iĝis normala (... kia faciligo por Maritolna, kiu ne plu devis promeni noktomeze kun la pladoj...). Unua infano tute lokigis Aneta-n sur la teron; kaj nun, la nigroharega Akilo timas spireti apud la nova tera estaĵo, la eta Fifinjo, frukto de la harmonia unio de la tera Akilo kun la ĉiela Aneta.

[1] En Mezmara regiono la vorto « franko » signifos — eŭropano, kultura blankulo.

---

# Li tamen pli bone fartas

Humoraĵo de C. H. Harrer.

---

*La nuna humoraĵo laŭtempa respegulas plej klare la rezignacion de suferanta Aŭstrio, personigita sub nomo de Aŭstriano.*

---

Ankaŭ Francisko Aŭstriano estas viktimo de la kriza tempo. Sed li, kiel diferenco al aliaj milionoj da homoj, estas viktimo kun du ridetantaj okuloj.

Antaŭ malmultaj jaroj Aŭstriano havis monatan salajron de pli ol 600 ŝilingoj. Tiam li tre malbone fartis. Li havis ŝuldojn. Ĉiun duan monaton oni fermis al li la gason kaj elektron. Lia edzino havis amikojn, kiuj pagis al ŝi la ĉapelojn, kaj se Aŭstriano kartludis, li ĉiam devis trompi.

Aŭstriano enspezas nun malpli ol 200 ŝilingojn. Ankoraŭ ne estas dekalkulita krizimposto, kromimposto por tramuzado, digestil-imposto, kalo-imposto. Krome, li akurate pagas ĉiun lundon je la 8-a horo matene kapitulacian imposton kaj imposton, kiun ĉiu devas pagi, kiu portas ŝuon pli ol 42 numeran.

Sed tamen Aŭstriano pli bone fartas ol antaŭe.

Kaj jen la kaŭzo. Aŭstriano ĉiujn ŝpareblecojn dum kelkmonata penslaboro pricerbumis. Li ankaŭ studis filozofion. Li alproksimiĝis la grandajn spiritojn.

Do: *Aŭstriano ne plu fumas.* Ankaŭ Goethe ne fumis. Ĉu Goethe ŝategis bonan vinon, tio ne interesis Aŭstrianon. Li nur imitis tion, per kio li ion povis ŝpari.

Li tamen pli bone fartas.

*Aŭstriano ne trinkas vinon.* Ankaŭ la Granda Profeto malŝatis la vinberan sukon.

*Aŭstriano ne iras en kafejon aŭ gastejon.* Ankaŭ Kant sidis sian tutan vivon hejme.

*Aŭstriano aĉetas nur putritajn pomojn.* Je tio li pensas al Schiller.

*Aŭstriano ne iras kinon.* Dante ankaŭ ne vizitis kinon dum sia tuta vivo.

*Aŭstriano ne vizitas teatron.* Li nenie legis, ke Buddha iam ĉeestis teatraĵon.

*Aŭstriano ne trinkas kafon.* Caesar ankaŭ ne trinkis ĝin.

*Aŭstriano ne uzas tramon.* Marco Polo ankaŭ ne uzis ĝin.

*Aŭstriano ne uzas lifton, motorboaton kaj lornon.* Aleksandro la Granda, Kolumbo estas kulpaj pri tio.

*Aŭstriano ne legas librojn.* Blücher ankaŭ neniam legis ilin.

*Aŭstriano ne aĉetas emblemojn, laŭtparolilon, gazeton, fontoplumon.* Adamo la Unua, Spinoza, episkopo Gregoro, Ovid kulpas.

*Aŭstriano ne bezonas semajnfinan domon, nek pluvombrelon, nek alumetojn, nek pantalonfaldojn.* Kaŭzo: Diogeno, Ulriko de Hutten, Sokrato, Wallenstein.

*Kaj Aŭstriano pli bone fartas.*

Li ŝparas al si monate 5.— ŝ. Li ĉiutage bezonas por la vivo nur unu ŝilingon, de tiu li kaj lia edzino povas vivi. La resto apartenas al la ŝtato.

Li tamen pli bone fartas.

Al Aŭstriano oni ne fermas la gason kaj elektran lumon. Li ambaŭ ne plu bezonas. Oni ne plu bezonas liajn garantiaĵojn. Li ne plu bezonas karttrompi, ĉar li ne plu ludas. Lia edzino ne plu portas ĉapelojn, tial ne plu bezonas la amikojn.

Rezulto : Aŭstriano kaj edzino fartas tamen bone.

Sed tiuj ĉirkaŭ li fartas malbone, mizerege. La tabakvendejo, la kinejo ĝis la ĉapelmagazeno. Kaj tion kulpas nur Aŭstriano, kiu nesociale vivas, ke li nur tiamaniere vivas, kiel li laŭ siaj enspezoj rajtas vivi !

La tuta mondo nur tiam denove bonfartos, se ĉiuj Aŭstrianoj ne plu laŭ siaj enspezoj vivos !

*(Trad. Minuŝka Mantel, Lwów.)*

---

# Pola folkloro kaj popolkanto

*Jen pasko alportis belan donacon. Estas plaĉa libreto, kun supra titolo. La kovrilpaĝon ornamas etnografia karteto de Pollando. Folkloro, la scienco de la popola tradicio, devus trovi en internacia lingvo la plej taŭgan peranton. El la komparo de popolaj kutimoj, moroj kaj legendoj naskiĝas kompreno pri fremda popolo kaj el la kompreno, estimo. Pro tio eldono de tiaj verketoj estas salutinda. Jam ekzistas antologioj, bukedoj de la poezio de kelkaj nacioj. Eble al la jena verketo pri folkloro kaj popolkanto sekvos aliaj. La libro enhavas antaŭparolon de Profesoro Zaleski, Delegito de la Pola ministro de l'Publika Instruo en Parizo. Ni represas ĝin tie-ĉi :*

Oni povas aparteni nek al la kredantoj de l'« esperantismo», nek al la fervoraj adeptoj de esperanto, estas tamen malfacile ne havi admiron por tiu preskaŭ duonjarcenta penado, kiun prilumis la nobla espero : alproksimiĝi la homojn, disiĝitajn per limoj de l'lingvodiverseco.

Oni riproĉis al Esperanto ĝian « artefaritecon » kontraste al la « natureco » de lingvoj, elkreskintaj el la vivo de l'homaj kolektivoj. Kaj tamen la tuta civiliza penado estas ankaŭ certasence « artefarita » — aŭ en pli alta, pli varma kompreno — verko de l'arto, kreaĵo de l'penso kaj de homa volo, frukto de l'« homa batalo por la libereco kaj kontraŭ la fatalo de l'naturo », kiel dirus Julio Michelet. Esperanto rigardata el tia perspektivo fariĝas unu el la distingiloj de tiu *batalo « racia », kondukata en la nomo de la libereco kaj kontraŭ la tiraneco de reciproka nekomprenemo.*

Mi ne supozas tamen, ke eĉ la plej fervoraj Esperantistoj esperas anstataŭigi la « naturajn » lingvojn per la « racia » kreaĵo de l'universala lingvo, simile kiel inĝenieroj, elfosanta intermarajn kanalojn, ne pensas forigi la apartajn marojn kaj oceanojn. Ĉiuokaze la celado al tiaspeca universalismo ne esceptas la profundiĝon de apartaj kolektivaj individuecoj ; male : ambaŭ estas ligitaj kaj eternaj.

Dank' al la invento de D-ro Zamenhof, civitano de la hodiaŭ libera Varsovio, — la Esperantistoj dissemitaj en la tuta mondo posedas nun praktikan interkomprenilon, faciluzeblan instrumenton, por transdoni sciencon, pensojn, eĉ valorojn precize literaturajn.

S-ro Grenkamp, meritplena esperantisto agema jam de multaj jaroj, estis tiom afabla, ke turnis sin al mi por kelkaj antaŭparolaj vortoj al sia laboro pri *Pola folkloro kaj popolkanto*. Ĝi donas al mi agrablan okazon, por ke — kvankam, laŭvere, nekompetenta, sed tamen atentema



Montarano el regiono de Zakopane.

leganto, — mi esprimu mian sinceran simpation al la aŭtoro por la entreprenita laboro de ĉi tiu libreto kaj por la valoraj rezultatoj, kiujn li atingis. Ili sendube pliriĉigos la ĝeneralan « Esperantan sciencon » per interesa fragmento, ĉerpita el la komuna kreaĵo de l'pola popolo.

* * *




(El Pola Folkloro kaj Popolkanto).

## La Profeto

Laŭ Puŝkin,
rusa poeto, 1799-1837.

*Per spiritsoifo turmentata,*
*Vagadis mi en dezerto senluma.*
*Kaj jen serafimo sesflugila*
*Ĉe vojkruciĝo al mi ekaperis.*
*Per fingroj malpezaj kiel sonĝo*
*Altuŝis miajn li pezajn pupilojn :*
*L'okuloj profete malfermiĝis...*
*Li poste miajn orelojn altuŝis :*
*Tuj ilin plenigis sonorbruo...*
*Ekaŭdis mi la ĉielan tremadon,*
*La supran flugadon de l'anĝeloj,*
*La kreskon de malproksima la vergo,*
*De l'bestoj submaraj la rampadon...*
*Al buŝo li almetiĝis la mia,*
*Elŝiris el ĝi la pekan langon,*
*La vanparoleman kaj malicegan.*
*En senvivigitan tiam buŝon,*
*Per mano li sangigita enmetis*
*De l'saĝa serpento la pikilon.*
*Per glavo bruston disfendis li mian,*
*Elprenis el ĝi tremantan koron,*
*Kaj li en bruston vunditan, malferman,*
*Enŝovis flamantan karberegon.*
*Mi kuŝis tie kadavron simila...*
*Kaj voĉo de Dio vokis al mi :*
*« Stariĝu, vidu, profeto, kaj aŭdu !*
*Penetru vin nepra volo Mia.*
*La terojn vi trairadu kaj marojn,*
*Bruladu homkorojn per la Vorto. »*

## La Profeto

Laŭ Lermontov,
rusa poeto, 1814-1841.

*De kiam al mi l'Eterna Juĝisto*
*Scipovon profetan estas doninta,*
*Mi legas, kvazaŭ en libro malferma,*
*Malbonon, malvirton en homaj okuloj.*
*La purajn doktrinojn mi ekanoncis*
*De la homaramo kaj de l'vereco:*
*Min kontraŭ ĉiuj proksimuloj miaj,*
*Furioziĝinte, ŝtonojn ekĵetis.*
*Mi cindron surŝutis sur mian kapon,*
*El urboj forkuris malriĉegulo.*
*Jen en dezerto mi estas vivanta*
*Per Diaj donacoj, kiel la birdoj.*
*Laŭ sankta ordono de l'Eternulo,*
*Obeas min tie la terestaĵoj ;*
*Amike aŭskultas al mi la steloj,*
*Per siaj radioj ĝoje ludante.*
*Sed kiam mi provas nerimarkite*
*La bruajn stratojn de urbo trapasi,*
*Mokeme la maljunuloj memamaj*
*Min montras al la infanoj, dirante:*
*« Atentu ! Por vi jen estas ekzemplo:*
*« Kun ni ne pacvivis la fierulo ;*
*« Konvinki nin volis la malsaĝulo,*
*« Ke per lia buŝo Dio parolas !*
*« Rigardu lin bone, karaj infanoj:*
*« Li estas pala, malgrasa, malĝoja !*
*« Ho ! kiel malriĉa, nuda li estas,*
*« De ĉiuj deculoj malestimata ! »*

Esperantigis
C. ROSEN

---

# IVa Kunveno de la Komisiono de U E A Ĝenevo 1933

## TELEGRAMO

La Komisiono de UEA kunsidis kvar tagojn en Genève ĉe la Centra Oficejo dum Paska semajno kaj diskutis la organizan problemon, ekzamenante la diversajn projektojn, proponojn, rimarkojn kaj la respondojn de la Komitatanoj.

Konforme al la volo esprimita per tiu komitata voĉdono, la Komisiono :

1) *konstatas* la akcepton de la projekto de S-ro Stettler en la februara numero de *Esperanto* kiel projekto de UEA ;
2) *opinias*, ke, krom la rajtoj donitaj al la naciaj societoj en tiu projekto UEA donu, laŭ la cirkonstancoj, al la grupoj aŭ naciaj societoj la eblecon, sin esprimi pri la proponataj personoj antaŭ la elekto de nova delegito ;
3) *atentigas*, ke estas la unuanima opinio de la Komisiono, ke restu la supernaciaj principoj de UEA (memstareco, universaleco kaj senpera aliĝo) ;
4) *komisias* la Direktoron, ellabori modelon de kontrakto kun propagandaj societoj pri komuna kotizo laŭ eble plej favoraj kondiĉoj, modelon, kiu estos submetata al la Komisiono ;
5) *aprobas* la ĝisnunan agadon de la Prezidanto kaj petas lin, daŭrigi la traktadon, por atingi interkonsenton laŭ ĉi-supraj principoj ;
6) *decidas* seninterrompe daŭrigi la kutiman laboradon de la Asocio kaj prepari energian defendon de siaj principoj, se ne sukcesus amika intertraktado ;
7) *decidas* publikigi en taŭga formo la decidon de la Komitato pri la cirkulero de la 14 Marto 1933, kaj la principojn, laŭ kiuj UEA estas preta, serĉi interkonsenton kun la naciaj societoj.

# Soleca ermito

Unu matenon, je la kvara, ni envagoniĝis en mallumo sur fervojo de Bombay al Borivli. Estis malvarme. Palaj oraj lumoj ekaperis en ĉielo malantaŭ altaj palmoj. Dezerta estis la malgranda stacidomo de tiu fora loko je alveno.

Sur la placo tamen atendis en duona nokto kelkaj *tonga*, veturiloj antikvaj. Du radoj plenaj, akso ligna, planko primitiva kun ronda tegmento el sekaj palmoj. Tian ĉaron el malnova testamento tiras du bovetoj blankaj, malgrasaj. Antaŭe sidas la vipisto, malantaŭe la vojaĝantoj kun kruroj falditaj aŭ ekstere pendantaj.

Dum ni elektis unu *tonga*, sin prezentis nekonata hindo kaj petis partoprenon : « Ĉu ankaŭ vi celas viziti la grotojn de Kaneri-monto? » Jes. Volonte. Bonvolu. Sidiĝas la viro interne. Ĉu policano ? Ĉu spiono ? Neniel. Interparolo baldaŭ montras amikeman paculon tute sendanĝeran, fervojan oficiston en libertempo.

La kuna veturado progresas agrable. « Kion vi opinias pri senmorteco de l'animo»?, demandas la Hindo. «Tiu problemo min priokupas de jaroj. Mi studis la verkojn de viaj okcidentaj liberpensuloj kaj niajn hindajn librojn. Ĉu vi prezentas al vi naturon blinda aŭ kun inteligenta plano ? »

En Eŭropo ni kutimas kun fremduloj, eĉ kun parencoj, diskuti pri vetero. En Hindujo la temo ne sufiĉas. Dum monatoj, eĉ guto de pluvo ne falas. La homojn interesas pli la demandoj esencaj pri vivo kaj morto, strukturo de l'universo, kialo de ĉio.

En ĉiu ekskurso ni demandis najbarojn pri la kampoj, kulturoj, salajroj kaj vivkondiĉoj. Ili respondis afable, sed ĉiam revenis al filozofio.

Dume la pezaj radoj el plena ligno kuris for el stratoj, jam sur vojeto tra l'arbaro. Sur ŝtonoj, sur rokoj, en fosajoj, tra riveroj ni malrapidadis kaj saltadis de planko al tegmento kvazaŭ lacigitaj puloj. Sub femuro vundiĝis la kruroj pro senĉesa frotado. Ni ŝtelis iom el la pajlo sub la ĉaro por moligi la angulojn.

Horoj pasis kaj la suno jam alten leviĝis super longaj trunkoj de l'kokosarboj. Fine haltis la bovoj. Tie ĉesas la vojo. Necesas marŝi supren al monteto por viziti la grotojn.

Niaj sandaloj estis novaj. Ankaŭ nia talento por ilin uzi. Ju pli ni grimpis inter arbetoj dornaj, des pli la ŝuoj emis resti malantaŭe. Baldaŭ fariĝis plej praktike ilin porti per mano kaj iri nudpiede. En du horoj oni lernas. Proksimiĝis la celo. Baldaŭ forgesiĝos ĉiu malkomforto.

Tiuj Kaneri grotoj estas unikaj. Vera palacego subtera. Tien rifuĝis monaĥoj budistaj antaŭ miljaro. Kolosaj pordegoj estas eltranĉitaj en la roko mem. Same ĉiuj ĉambregoj kun benkoj aŭ litoj ŝtonaj. Centoble sidas Buddho, skulptita en muroj, granda, malgranda, ĉiam en sinteno konstante kvieta kaj pripensema.

. Densa polvo kovras ĉion. Karba nigro koloras enirejon. Iam fajro detruis la kurtenojn kaj flagojn ĉie penditajn. Silento loĝas en tiu mallumejo dezerta. Ĉe l'eliro, la suno brulas okulojn kaj kantado de l'cikadoj zumas al oreloj el malsupraj kampoj.

Pluraj etaĝoj ekzistas. Mallarĝaj ŝtuparoj signas vojon ekstere sur la nuda roko. Denove galerioj kaj sinsekvaj ĉeloj. El iliaj pordoj vasta vidaĵo allogas okulon al maproksima oceano trans arbaroj kaj herbejoj. Sur unu ŝtupo brilas arĝento serpenta : nur haŭto de *kobra*, ŝanĝinta sian ingon por la nova sezono. Pluraj ŝtuparoj diŝiras. La suno pli kaj pli ardas super tiu dezerta formikejo de piaj homoj el antikva tempo.

Tamen subite jen fumo eliras el roko malsupre kaj flugas al hela ĉielo. Iu ĉeestas. Kiu ? Sciovoleme, de ŝtupeto al ŝtupeto, la piedoj paŝas iom singardeme. Ankoraŭ ĉeloj skulptitaj en roko.

Sur la sojlo de unu krakas fajro de sekaj branĉoj. Apude sidas sur kruroj falditaj, viro longhara kun okuloj fiksaj. Nobla vizaĝo. Malgrasaj brakoj. Tute nuda li estas. Nur cindro griza kovras lian korpon. Ermito. Sanktulo.

Malvolonte kaj pene li eliras el pripensado por aŭskulti vokon de nia kunvojaĝanto. El Benareŝ li venis piede. Parolas sanskrite. Vivas el sovaĝaj beroj kaj radikoj. Ni hontas lin ĝeni. Tamen urĝas scivolemo. Ne ĉiutage oni renkontas saĝulon, kuracitan el ĉiuj allogoj de l'ekstera mondo.

« Ĉu necesas fariĝi ermito kaj rifuĝi en solecon por trovi la veron ? » ni demandas la sanktan viron.

« Estas mia *dharma* vivi tiel, eble estas via *dharma* vivi en urboj. La vero kuŝas tie, kie oni trovas la nerompeblan ĝojon.»

Edm. P.

---

# Panteismo

Carducci.

Giosué Carducci 1836-1907, poeto itala. Li organizis la reakcion kontraŭ la romantismo de Manzoni kaj publikigis la « *Himno al Satano* », « *La sonetoj pri la revolucio* », « *La odoj barbaraj* » k.t.p. Estas poeto sciencema kaj pasia. Li kreis sistemon de versfarado nomita « barbara », fonditan sur la nombro kaj sur la akcentado de la silaboj.

*Mi ĝin nek al vi, ho viglantaj steloj,*
*Nek al vi diris, ĉiovida sun'.*
*Jes, ŝia nomo, flor' de ĉiuj beloj,*
*Tra l' muta brusto eĥis nur ĝis nun.*

*Kaj tamen stel' al stel' transdonas dire*
*Sekreton mian en la nokto bruna,*
*La sun' min ridas ja, se ĝi, subire,*
*Parolas kun la blanka sfero luna.*

*Al ĉiu flor' ĝin diras ĉiu arbeto, —*
*Sur ombra mont' kaj milda kamp-eben',*
*Eĉ birdoj kantas fluge : « Jen poeto,*
*Vin kaptis fine dolĉa am-katen' ! »*

*Mi ĝin ne diris : kaj kun bruoj diaj*
*Ĉi nomon tamen ter', ĉiel' proklamas,*
*Kaj tra la spir' de floroj akaciaj*
*La Universo flustras : « Ŝi vin amas. »*

El la itala : K. Kalocsay.

# LA ARTO DE ALTAMIRA

Okaze de la Xa Kongreso de la Hispana Esperanto-Asocio, kiu havos lokon en Santander dum la proksima Aŭgusto, la kongreskomitato aranĝos ekskurson al la tutmonde fama kaverno de Altamira.

Ĉi tiu kaverno havas unikan meriton pro la belegaj pentraĵoj kiujn la lerta mano de la prahomo postlasis al ni kiel atesto de ilia mirinda spiritkapablo kaj naturpercepto. Kiam


Pintura altamirense.

en la jaro 1878 la arkeologo Marcelino S. de Sautuola malkovris la pentraĵojn, estiĝis ĉirkaŭ ili la plej pasiaj diskutoj inter la sciencistoj, kiuj ne konsentis akcepti ilin kiel faritajn de la prahistoria homo. La eminenta Cartailhac, kiu estris la opozicion kontraŭ Sautuola, forte kontraŭstaris ties aserton, ke la pentraĵoj ne povis havi alian devenon ol tiu de la prahomo.

La filozofiaj teorioj de la pasinta jarcento antaŭmetis ke la prahomo ne kapablis koncepti la arton. Ankaŭ influis la kredo pri la neebleco de la konservado de la pentraĵoj dum tiom da jarcentoj, sur la natura roko. Pri ĉi tio lasta legu la plene kontentigajn klarigojn kiujn donas la hispana arkeologo kaj esploristo Carballo, en sia verko « Prehistoria ».


Arte altamirense.

Sed post kelka tempo estis trovitaj en Francujo aliaj kavernoj kun similaj pentraĵoj, kaj tiu ĉi cirkonstanco igis la scienculojn ŝanĝi la unuan firman opinion je plena entuziasmo kaj admiro, sekve de vizito al la kaverno. Cartailhac, en sia verketo « *Mea culpa d'un sceptique* » nomis la kavernon « *la Siḱstina ḱapelo de la prahistoria arto* ».

La surrokaj pentraĵoj datumas de antaŭ 15 aŭ 20000 jaroj. La estetiko estas nesuperebla, la realismo kaj esprimpovo de la figuroj tiaj, kiajn la homaro ne atingis alifoje ĝis la florado de la greka civilizo. La anatomia detalo, kiun antaŭe oni supozis konkeron de la arto kaj scienco modernaj, estas tiel verismaj, ke la unua naturalisto povas klasifiki la zoologian specon je la vido de tiaj figuroj. Sed ne nur tio, la altamira artisto elpensis la plurkolorigon (polikromio), la pentran reliefigon kaj per neimagebla lerteco la majstropentristo harmonie kunigis laŭ estetika kombino ĉiujn artojn, rezultigantajn kun movo kaj vivo tiujn bestojn gravuritajn, ĉizitajn kaj pentritajn sur la plafono de Altamira. Tio estas unu el la plej mirigaj kazoj kiujn oni povas legi en la homa historio.


Arte altamirense.

Ankaŭ estas en la kaverno granda kvanto da desegnaĵoj sur la muro, faritaj per malmola objekto; oni prezentas per ili reptiliojn, grandajn birdojn, ĉevalojn, bisonton kaj cervojn.

Je 80 m. de tiu ĉi kaverno ekzistas alia malkovrita 1928. Sur plata roko kuŝanta apud la enirejo, troviĝis la skeleto de pratempa homo, kiu, pro okazinta disfalo de la plafonrokoj devis resti enfermita ĝis morto. Ĝi estas elmontrata en la Muzeo de Altamira kune kun tre interesa kolekto de ŝtonoj, iloj, farboj, k.t.p. prilaboritaj kaj uzitaj de la prahomoj.

X.


Pintura rupestre altamirense.

# La Sufi-movado

*Nia gazeto jam enpresis klarigajn artikolojn pri aliaj movadoj parencaj al la homarana ideo de D-ro Zamenhof, kiu celis moralan unuecon inter diverskredaj homoj kaj popoloj. Ni ricevis la jenon pri* Sufi, kiel ludas similan rolon kiel Bahaismo en Oriento :

Hazrat Inayat alportis al ni la Sufismon. En la jaro 1910 li foriris el Hindujo, sia patrolando, al Ameriko kaj poste al Eŭropo. Ĝis 1926 li travojaĝis la pli multe da landoj en la okcidento, kie en ĉiuj grandaj urboj li faris paroladojn kaj donis religian instruon, ĉie fondante centrojn de la Sufimovado, kiuj daŭre okupas sin pri la disvastigo de la Sufimisio.

La vorto « sufi » estas parenca al la araba vorto « saf », kiu signifas : pura. Krome ekzistas parenceco al la greka vorto « sofia », kiu signifas : saĝo. Ambaŭ parencecoj estas karakterizaj por la Sufismo : pureco laŭ la senco de pura vivo, super ĉiuj diferencoj ; saĝeco laŭ la senco de la serĉado al saĝeco dia, kiu ebligas al ni kompreni la vivon.

« Estas plej grave », diras Hazrat Inayat, « ke ni demandu nin, kio estas la celo de nia vivo ». Farante tion ĉi, ni renkontas gravajn malfacilaĵojn, ĉar la vivo konfuzas nin pro la kontraŭaĵoj, montriĝantaj en ĝi. Ĝenerale estas en nia tempo la serĉado de la homo al la rimedo kaj helpo por eliĝi el ĉi tiu konfuzaĵo.

Kaj tiel same, kiel la pluvo malsuprenfalas el la nuboj, formiĝintaj al la tersupraĵa vaporiĝo, tiel la misio dia venas al la homo, kiel ĉiela respondo al la plendoj kaj demandoj supreniĝintaj de la tero. Do estas la celo de la misio : alporti benon kaj lumigon al la homaro. Ĉi tiu misio estas de ĉiuj epokoj kaj ĉiam la sama, revenanta lumo, alportata al la homoj de la misiistoj diaj.

Estas ili, kiuj povas veki tiun dian lumon, kaŝitan en la homo mem. Oni povas nomi la misiistojn laŭ diversaj nomoj : Krishna, Buddha, Kristo, Mahometo.

Sub diversaj nomoj ili ĉiam alportis la saman mision. Tial la homoj nomis ilin savantoj kaj ilian doktrinon oni konservis kiel sanktan libron. Sed ĉar nur vortoj ne povas esprimi la mision, nek ĝin enhavi, postrestas en la forpaso de la tempo la vortoj, sed iliaj spirito kaj forteco perdiĝas. Tial ĉiam denove aperas misiistoj, predikante la antikvan veron.

En nia epoko superregas la sopiro : esti komplikita, la sopiro : ĉiam denove krei al si novajn problemojn.

Sed progreson por homo kaj homaro tio ne signifas oni enprofundiĝas en ĉiam pli grandajn malfacilajojn kaj tial nia hodiaŭa kulturo estas forte karakterizita de malekvilibreco.

Sufismo donas antagoniston de tiu unuflanka kulturo, ĉar *Sufismo estas la religio de la koro*. En ĉiu koro aŭdiĝas la voĉo de dio, kaj se oni ĝin ne aŭdas, ne dio estas la kaŭzo, sed la homo, kiu aŭskultas tion, kio estas ekster de si mem.

Estas tri vojoj por serĉi dion en la homa koro. La unua estas : rekoni la diecon en ĉiu homo kaj ĉiam agi delikate kun siaj gekunuloj. Ju pli da vivo estas la homa koro, despli sentema ĝi estas. Tiun sentemecon kaŭzas la elemento de amo en la koro kaj amo estas dio. Tiu, kiu atentas la sentojn de aliaj, praktikas la unuan, necesan moralon de la Sufismo.

La dua estas : agi prudente rilate al la sentoj de tiu, kiu ne ĉeestas. Ofte okazas, ke oni malzorgas la sentojn de la forestantoj. Estas pli noble, favore paroli pri iu, kiam li forestas ol kiam li ĉeestas.

La tria maniero por realigi ĉi tiujn principojn estas : retrovi en la propraj sentoj la senton de dio, rekoni ĉiun impulson de la koro kiel devenantan de dio kaj la amon en la propra koro kiel diecan fajron, kiun oni devas pliviglig, por ke ĝi fariĝu flamo, lumigante la vivovojon.

La Sufi-simbolo, nome : koro kun flugiloj estas la simbolo de tiu ideo. La koro estas tera same kiel ĉiela. Ĝi estas surtera loĝejo de la spirito de dio.

La kreskanta lumo en la koro estas la simbolo de la respondkapableco, ĉar estas la koro kiu sonas kune kun la dia spirito kaj kiu supreniĝas. Krome estas la kreskanta lumo la simbolo de impresebleco : ju pli da sunlumo ĝi rebrilas, des pli ĝi kreskas. La stelo prezentas la dian fajreron, la amon en la homa koro, kiu la lumon je pleneco kreskigas. La Sufimisio ne aldonas novajn teoriojn al la jam ekzistantaj. Tio, kion la hodiaŭa mondo bezonas, estas la misio de amo, harmonio kaj beleco, sen kiu la vivo estas tragedio. La Sufi-misio vekas en la homaro la spiriton de frateco, kiu kulturas toleremon al la religio de aliaj, kiu instruas prudentecon kaj delikatecon en la interrilatoj kun aliaj por krei harmonion, por ke la homo lernu servi kaj utiligi sin mem tiel ke lia vivo estu fruktodona en kio kaŝiĝas la unuura kontentigo de la animo. Estas en nia tempo forta inklino al kono, al kiom eble plej multe lerni kaj studati. Sed ĉiu tiu studado, kiel ajn interesa, ne alproksimigas la homaron eĉ unu paŝon al la realigo de idealoj. Malamikeco, antaŭjuĝo, amariĝo inter rasoj kaj nacioj daŭre parazitas kaj ĉi tiun venenan influon neniu kono povas malhelpi. la kaŭzo estas, ke saĝo estas anstataŭita de kono. Oni klerigas la intelekton kaj la sekvo de tio estas klereco. Sed klerecon oni ne povas kompari kun saĝeco.

Saĝeco devenas el la koro de la homo : la dia esenco, kaŝita en la koro, posedas la veran saĝon kaj estas tio, kion la homo serĉas, konscie aŭ nekonscie. Estas saĝo, en kiu la homoj povas unuiĝi. Saĝo estas la kono de la koro kaj nur *ĉi tiu* kono povas — en okazoj, kiam la intelekto estas senpotenca kaj malsukcesas — efektivigi ĉiajn reformojn sociajn, ekonomiajn kaj politikajn.

La kono de la koro estas samtempe la kono de dio, ĉar li kaŝiĝas en la homa koro, kaj estas per interna ekzercado, ke oni akiras tiun konon. Estas la Sufi - movado, kiu instruas la metodon de interna ekzercado al siaj disĉiploj kaj precipe tiu grupo de la Sufi-movado, kiu nomiĝas Sufiordeno.

Krom la Sufi-ordeno ekzistas ankoraŭ du branĉoj de laboro, nome la Sufi-eklezio kaj la Sufi-frataro. La Sufipreĝejon oni nomas : la templo de la universala kulto. Tio signifas, ke en ĝi ĉiuj religioj estas egale honorataj ; tie oni legas iliajn sanktajn librojn kaj respektas iliajn pastrojn.

Kiun ajn kredon iu konfesas, ĉi tie li havas *sian* religion. La Sufi-preĝejo ne konas diferencojn kaj limojn : ĝi reprezentas la hodiaŭan preĝejon kaj estos la preĝejo de la estonteco.

La Sufi-frataro nomiĝas mondo-frataro kaj ĝia tasko estas : akceli la idealon de frateco, kiun la mondo tiel urĝe bezonas. En la mondo ni vidas nur malpacon, malamon kaj batalon kaj ĉi ĉio evoluiĝis tiagrade, ke la mondo estas kvazaŭ paralizita. La vivo estas krea : kiu semas malbonan herbon, rikoltos tion kaj kiu semas grenon, rikoltos grenon.

La Sufi-misio estas la respondo al la helpokrio de l'homaro ; ĝi estas servo al dio kaj homaro, ne esceptante ian klason, nacion, rason, religion aŭ kredon.

K.

# Diversaĵoj

## Novzelanda E- Kongreso

Malofte oni aŭdas ion pri tiu ĉi fora insulo, timige danĝera pro la vulkanoj kaj rave bela pro naturo grandioza.

Kun iom da malfruo atingis nin ekzempleroj de la taga gazeto « The Wairarapa Age » el Masterton, Novzelando kie okazis la Kvara kongreso de novzelandaj Esperantistoj, 27-29 de Decembro 1932. La kongreson malfermis S-ro G. R. Sykes M.P. (parlamentano). La programo, krom la kutimaj negocoj enhavis publikan kunvenon kaj kunvenon de UEA, ĉar Novzelando estas Teritorio sub gvido de agema ĉefdelegito kaj Dumviva membro S-ro Dust. El la du grandaj artikoloj estas konstateble, ke la kongreso bone sukcesis, faris impreson kaj ĉefe vekis la intereson de la publiko. La estraro de la N.Z.E.A. konsistas nun el S-ro Dust (prezidanto); S-ino J. Allan, S-ro Adcock, S-ro Bell kaj S-ro Hodges vicprezidantoj. — Kasisto : S-ro Jack, Sekr. : S-ro King. La kvina kongreso okazos en Wellington en 1933.

## VI Tutpollanda Esperantista Kongreso en Varsovio

(4-5 de Junio 1933).

Varsovia esperantistaro sendas plej korajn salutojn al ĉiuj esperantistoj enlandaj kaj eksterlandaj, kaj invitas ilin al la VI Tutpollanda Esperantista Kongreso okazonta en nia urbo. Venu amase, por ke nia Kongreso estu plej brila kaj sukcesplena festo !

*La Loka Kongresa Komitato konsistas el jenaj personoj.* — Prezidanto : Ministeria Konsilanto Kazimierz Zajaczkowski, vicprezidantoj : D-ro Wilhelm Róbin kaj Inĝ. Jan Skrzypinski ; sekretario ĝen. : Isaj Dratwer, sekretario : Seweryn Piernik, kasisto : Dr. Edward Wiesenfeld, anoj de la L.K.K. Red. Oskar Berman kaj Piotr Nowakowski.

Normala kongreskarto : 5.—, por studentoj : 3 Zl., blinduloj kaj senlaboruloj kontraŭ P.U.P.P. kaj esperantaj membrokartoj senpage. *Membro-subtenanto* povas esti ĉiu persono, kiu pagas almenaŭ duoblan kongreskotizon.

*Rimarko.* — Nia P.K.O. konto estas : 24.736-E. Wiesenfeld, Warszawa.

Aliĝiloj estas dissendataj al ĉiuj esperantaj societoj, organizaĵo kaj soluloj laŭ deziro.

Honora Komitato, programo kaj ceteraj sciigoj estos ĝustatempe publikigotaj.

La Loka Kongresa Komitato.

## Postkongreso en Berlin

Samtempe kun la
*30-jara jubileo de la Berlin'a Esperanto-movado*
ni aranĝos post la Kolonja Universala Esperanto-Kongreso
*postkongreson.*

Jam nun ni invitas la samideanojn, trapasi Berlin'on kaj partopreni nian postkongreson.

Pri la detaloj ni baldaŭ raportos en la Esperanto-gazetaro.

Por la postkongresa komitato : Julius Glück, Berlin W.50, Ansbacher St. 49.

**La Jubilea Kongreso**
**Fariĝu granda sukceso !**

per via partopreno ; ŝparu jam nun por viziti la 25-an Universalan Kongreson en Köln 1933 !

## VOĈOJ EL USONO

Estante ano de nia nacia asocio kaj ankaŭ de UEA, mi estas partiano de ambaŭ flankoj de la nuna disputo. Mi estas kaj volas esti fidela al ambaŭ.

Antaŭ kelkaj jaroj, anoj de UEA apartenantaj al nia asocio nacia, deziris ke la EANA aliĝu aŭ kuniĝu al UEA. Kredante ke la kuniĝo ne multe helpus al UEA kaj vere malutilus al EANA, kiun ni tre bezonas por nia enlanda propagando, ni kontraŭstaris tiun kuniĝon. Post sufiĉe longa disputo la kuniĝo neefektiviĝis. Nun la afero estas renversita. Nun la reprezentantoj de la naciaj societoj deziras ke ĉiuj naciaj societoj kunfondiĝu kun UEA en unu organizaĵo. La kuniĝo ne multe helpus al la naciaj societoj (K.R.) sed povus tre malutili al la UEA. Kiam temis pri kuniĝo inter UEA kaj EANA, la anoj mem, per siaj voĉoj esprimis sian deziron sekve ni, UEA-anoj, sole ni mem rajtas decidi pri nia sorto. Ni timas riski la ŝanĝon.

Estante malnova ano de ambaŭflankoj, doloras min vidante malŝparon de nia energio pro internaj aferoj. Karaj fratoj, ĉu ni estas aŭ ne estas anoj de la sama granda familio ? Se jes, estas nia devo subteni nian nacian asocion. Ni bezonas ĝin en ĉiu lando. Per ĝi ni montras nian forton. Estas neeble venki kiu ajn landon sen forta asocio nacia. Nun, se oni venkus sian landon, ĉu ni bezonus Esperanton nur por venki tiun solan landon ? Se temus pri individua lando ni bezonas internacian lingvon, sed ni volas venki ĉiun landon, ni volas konvinki la tutan mondon, kaj por atingi tiun celon, niaj asocioj naciaj devas kuniĝi por sukcese batali por Esperanto. — Dume ni lasu nian UEA labori kviete tra la tuta mondo per Esperanto kaj la fruktoj de la diligenta laboro de niaj Delegitoj estas la plej bonaj bataliloj (argumentoj) kaj iloj por la unuiĝo (K.R.) de la asocioj naciaj por refuti ĉiun eblan atakon de ekstere. Tial, karaj familianoj, memoru ke estas multe da malamikoj ekster nia rondo familia, kelkaj eĉ pretekstas esti parencoj niaj sed nur atendas oportunan tempon por mortfrapi nin sekve lasi nin labori paralele ambaŭ asocioj (UEA kaj KR) kaj voku kun mi :

Vivu kaj batalu K.R. *por* Esperanto kaj
Vivu kaj batalu UEA *per* Esperanto.
Sincere la via

D-ro ŜIMONEK, Chicago.

Tre estimataj, kuraĝaj kaj pravaj gvidantoj de UEA.

Ne flankiĝu eĉ unu paŝon de la vojo, kiun al ni ĉiuj montris nia genia *Majstro*, sed kiun kelkaj ne volas aŭ ne scipovas kompreni. Ne flankiĝu eĉ unu colon de la vojo laŭ kiu vi ekpaŝis en nuna batalo.

La ganto estas al ni ĵetita, kaj ni akceptas ĝin kvankam kun bedaŭro. Niaj koroj estas malfermitaj por ĉiuj, kiuj volas kun ni kunlabori por la granda idealo, sed la laboro devas esti larĝanima.

UEA devas vivi, ĝi devas okupi en la esp. movado la lokon, kiun ĝi okupis ĝis nun. Jen garantio por tio :

Pasintan jaron ni havis en Milwaukee Wis. nur 15 membrojn. Tiu ĉi jare mi sukcesis revarbi ĉiujn pasintjarajn,' krom unu, kiu ne estas de stabila restadejo ĉi tie, kaj krom tiuj, ankoraŭ 6 novajn mi varbis.

Ne forgesu, ke la senlaboreco estas ĉi tiu jare pli granda ol ĝi estis lastjare, kaj tamen — veraj Zamenhofanoj estas fidelaj al sia UEA.

Sinceran saluton kaj bondeziron ! ! !

Rudolfo ORISTO, Del. en UEA. Milwaukee Wis.




**ADRESO : TRAJANSTRASSE, 25, KÖLN**

*Poŝta ĉekkonto:* 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln N-ro 52.
Banko : Dresdener Bank, Depositenkasse, Chlodwigplatz, Köln.

---

Oficiala Informilo 4.

*Aliĝoj:* Ĝis nun anoncis sian aliĝon 443 personoj el 27 landoj. Laŭlanda statistiko : Alĝerio 1, Anglujo 45, Aŭstralio 1, Aŭstrio 12, Belgujo 21, Brazilio 1, Ĉeĥoslovakujo 17, Danujo 2, Dancigo 1, Estonio 1, Finnlando 1, Francujo 47, Germanujo 174, Hispanujo 24 (inter ili 3 el Katalunujo), Hungarujo 3, Italujo 14, Japanujo 1, Jugoslavujo 1, Nederlando 39, Nederl. Hindujo 1, Polujo 14 (inter ili n-roj 1—12 rezervitaj por familio Zamenhof), Rumanujo 1, Saarteritorio 1, Skotlando 5, Svedujo 5, Svislando 9, Usono 1.

*Blindula Kaso:* La LKK akceptas mondonacojn por subteni partoprenon en la kongreso al blindaj gesamideanoj. La ĝis nun ricevita sumo estas gmk. 134,97.

*Donacoj* por la kongresa kaso estas plezure akceptataj. Ĝis nun ni ricevis gmk. 155,98.

*Fakaj kunvenoj:* Krom la jam cititaj oni anoncis la sekvantajn fakajn kunsidojn : (Pri detaloj oni turnu sin al la organizantoj) :

Internacia Scienca Asocio : S-ro Rollet de l'Isle, 35, Rue du Sommerard, Paris 5-e.

Universala Pacifista Ligo : S-ro Einar Dahl, Ridhusgatan 6, Uddevalla (Svedujo).

Unuiĝo de Esperantistaj Virinoj : S-ino Elise Jakobs, Mathildenstr. 9, Flensburg (Germanujo).

Aliaj organizantoj bonvolu sufiĉe frue anonci siajn dezirojn.

*Karavanoj:* Francoj bonvolu sin turni al :

S-ro P. Petit, konstata sekretario de S.F.P.E., 59, Rue de Neuilly, Rosny-sous-Bois (Seine), Francujo.

*Konkurso.*

LKK decidis aranĝi konkurson pri prologo rilate la 25-an UK.

Kondiĉoj : ĝi estu apoteozo pri la Jubilea Kongreso. La prologo surhavu devizon ; la adreso de la aŭtoro estu aldonata en fermita koverto kun la sama devizo. Lasta dato por alsendoj al LKK : 1.6.1933.

Premioj : I. : gmk. 75.—. II. : gmk. 25.—.
III. kaj IV. : po 1 Kongreskarto.
Premia Komitato : S-roj Behrendt, Butin, Lippmann, LKK.

*Kontoj por kongresanoj:* Ĉar grandaj monsumoj ne estas forsendeblaj el diversaj landoj, LKK aranĝos al la kongresanoj specialajn kontojn, al kiuj oni iom post iom povas pagi iujn sumojn. La senditaj sumoj estos repagataj al la kongresanoj post ilia alveno en Köln.

*Kotizoj:* Post la 31.3.1933 validas la norm-kotizo de gmk. 20.—.

Junulaj Membroj : La ordinara kotizo por gejunuloj malpli ol 17-jaraj estas gmk. 5.—. Gejunuloj ne rajtas ricevi la kongresajn dokumentojn.

Blinduloj kaj ties gvidantoj ricevos kongreskarton senpage.

Helpkongresanoj : Kiu ne povas ĉeesti la kongreson, povas tamen aliĝi kiel helpkongresano, pagante gmk. 10.—.

*Postkongresaj vojaĝoj:*

Tuj post la kongreso okazos :

1. ekskursoj de Kolonjo tra Rejnlando kaj Vestfalio ;
2. libertempa restado en Rejnlando.

Detaloj sekvos.

Baldaŭa aliĝo faciligos nian laboron kaj donos al ni la eblon, plivastigi la programon.

**Loka Kongresa Komitato**

# Cseh-kursoj

**Internacia Esperanto-Kurso**
**por la oficistaro de Poŝto, Telegrafo kaj Telefono**

---

Konsiderante la gravecon de la internacia lingvo por la oficistaro de P.T.T., la Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-oficistoj (ILEPTO) kaj la Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, en kunlaboro kun la Ĝenerala Direkcio de la Nederlanda P.T.T., organizas specialan internacian kurson de Esperanto por la geoficistaro de P.T.T., kiu okazos en la Esperanto-Domo en Arnhem (Nederlando), dum la tagoj 21. Junio-1. Julio 1933.

La kurso estas gvidata de Andreo Cseh, laŭ lia konata metodo (sen lernolibroj, sen uzo de nacia lingvo, sen hejma laboro, en praktika kaj amuza maniero) kaj ĝi kapabligos al skriba kaj parola uzo de la lingvo Esperanto en simpla ĉiutaga interrilato, speciale sur la kampo de P.T.T.

La kurslecionoj okazos dum 10 labortagoj, matene de la 9-a ĝis la 13-a horo. Dum la posttagmezoj estos ekskursoj studaj kaj plezuraj, interalie al la granda nederlanda radiostacio en Kootwijk, plenumanta la telegrafan servon kun Nederlanda Hindujo. En la vesperoj okazos amuzaj aranĝoj.

La kurso servos ankaŭ kiel ideala okazo por internacia interkonatiĝo kaj interamikiĝo de la diverslanda P.T.T.-kolegaro.

En la kurso partopreni povas ĉiuj geoficistoj de la P.T.T., kune kun siaj familianoj. Partopreni povas ankaŭ personoj, kiuj jam scias la lingvon Esperanto. Kurskotizo estas 5.— ned. guldenoj, por pluaj anoj de la sama familio nur 3.— guld.

La kursanoj povos loĝi en la hotelo de la Esperanto-Domo, kie speciala favorpreza plena pensiono (komforta ĉambro kun fluanta akvo kaj la tri manĝoj) kostas por unu tago kaj unu persono : 4.— Guld. (aparta ĉambro), 3.50 Guld. (2-4 litoj en unu ĉambro), kaj 3.— Guld. (5-10 litoj en unu ĉambro). Servmono : 10 %.

Aliĝante oni sendu la kurskotizon kaj mendu la hotelon, pagante la pensionprezon por almenaŭ du tagoj.

Adreso por aliĝoj kaj informpetoj : Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, Oostduinlaan 32, Den Haag, Nederlando. (Poŝtkonto : Den Haag 162626).

*Favoroj.* — Estas kreita speciala fondo por subvencii partoprenantojn, kies ekonomia stato ne ebligas la partoprenon. Petojn por subvencio oni sendu al la supra adreso, kiel eble plej baldaŭ. Ĉe la disdono de la subvencioj preferon ĝuos tiuj petantoj, kiuj aldonis al sia petskribo ankaŭ ian ateston aŭ rekomendleteron (de la oficeja estro aŭ de P.T.T.-fakorganizaĵo).

*Libertempo.* — La Ĝen. Direkcio de la Nederlanda P.T.T. decidis doni ekstrajn libertagojn al tiuj, kiuj intencas partopreni en la kurso.

*Peto.* — La legantoj de ĉi tiu anonco estas petataj vaste diskonigi la informojn pri la kurso en la nacia gazetaro, precipe en la fakaj gazetoj, kaj instigi siajn proprajn P.T.T.-estrarojn kaj fakorganizaĵojn, ke tiuj de sia parto delegu kaj subvenciu partoprenantojn. Donacoj por la subvencia fondo estas danke akceptataj. — Invitleteroj al la P.T.T.-direkcioj de ĉiu lando estas jam dissenditaj de la Nederl. P.T.T.-Direkcio, tra la Univ. Poŝta Unio en Bern.



Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

# Universala Esperanto-Asocio

**Centra Oficejo: 1, Tour de l'Ile, Genève**

## Oficiala Informilo

**N-ro 27**

**Administra jaro 1933 Aprilo 1933**

**Bankkonto:**

**Société de Banque Suisse**

(Schweizerischer Bankverein), Genève.

*Svisa Poŝtĉeko* : Genève I. 2310.

*Jarlibro* 1933 estas presata. Ĝi estas 450 paĝa kaj enhavas historion de UEA kun valoraj aldonoj pri la funkciado. Krom tio la jubilea jarlibro enhavas la kutiman adresaron de l'Delegitoj kaj grupoj, informojn pri la esp. societoj gazetoj, institucioj, plie novaĵon : Interrilata Adresaro.

Ni esperas ke komence de monato Majo la ekspedo povos okazi.

*Ŝildeto de Delegito.* — Kun la oficiala Bulteno n-ro 28 ni dissendis ŝildeton el lado emajlita blanka grundo, verda stelo, nigra skribo. Amaso da dankesprimoj aprobis tiun ĉi donaceton. La ŝildeto estas aĉetebla por *unu* respondkupono aŭ nedifektita poŝtmarko por afranki simplan leteron al eksterlando.

*Stato de l'membraro.* — Je la fino de monato Marto 1933, la Centra Kaso registris la kotizojn de : 180 Helpmembroj, 1698 Membroj, 2547 Membro-Abonantoj, 452 Subtenantoj. Kune do pagis por 1933 : 4877 Anoj. (31.3.1932 : 5664 pagintoj.)

*Donacoj al UEA.* — La ĝenerala senvaloriĝo de la mono, la neebleco ricevi de dudeko da landoj eĉ malgravajn sumojn, ege komplikigas la laborojn de nia Asocio. Devigataj liveri al la membroj promesitajn objektojn, la estraro de la Asocio ne povas tute simple haltigi la regulan servadon. Tion komprenas bonvolaj samideanoj kaj kunhelpas forigi parton de la perdo per libervola donaco. Tiuj donacoj iras al speciala konto « *por ŝtopi la truon* » kaj la rezulto aperas je la fino de la jaro en la konto de *Perdo kaj Gajno* de la bilanco.

Dum la nuna jaro la Centra Kaso ricevis la jenajn donacojn

| | | |
|---|---|---|
| 1. S-ro P. Bossi, Parabiago | It. L | 4.— |
| 2. S-ro Giraud, Aix | Fr. fr. | 10.— |
| 3. S-ro H.-T. Bailey, London | Ŝil. Angl. | 10/– |
| 4. S-ro Perrochon, Bern | Fr. sv. | 1.— |
| 5. S-ro Taylor Birkenhead Angl. | Ŝil. angl. | 12/– |
| 6. F-ino Pentermann, Rotterdam | Fr. sv. | 50.— |
| 7. S-ro E. Kűhnl, Santiago (Praha-ano) | Kč. | 100.— |
| 8. S-ro Kyffin-Taylor, Liverpool | Ŝil. Angl. | 10/– |
| 9. S-ro van Tinteren, Amsterdam | Fr. fr. | 7.— |
| 10. S-ro O. Frode, Göteborg, Sved. | Fr. sv. | 0.50 |
| 11. S-ro Paul Bouvier, Genève | fr. sv. | 200.— |
| 12. S-ro J.R. Miller, Stone, Brit. | angl. ŝil. | 2/6 |
| 13. S-ro F.W. Simmons, Purley, Brit. | Angl. ŝil. | 5/– |
| 14. F-ino E.L. Young, Letchworth | Angl. ŝil. | 4/– |
| 15. F-ino Ellen B. de Daly, Bordighera | Angl. ŝil. | 5/– |
| 16. Sinjoro Anton Mussi, Ostrelj, Jugosl. | Din. | 10.— |
| 17. Sinjoro Alf. Ferber, Hamburg | Mk. | 10.— |
| 18. Sinjoro W.H. Donaldson, New York | Dol. | 1.— |
| 19. S-ro E.L. Southwick, Braintree, Usono | fr. sv. | 24.80 |
| 20. S-ro R.F. Vaughan, Sandakan, Borneo | fr. sv. | 1.50 |
| 21. S-ro J.B. Horne, Glasgow | Angl. ŝil. | 12/– |
| 22. Sapo « Espero », London | Angl. ŝil. | 20/– |
| 23. S-ro J.R. Miller, Stone, Brit. | Angl. ŝil. | 5/– |
| 24. S-ro Alex. Mann, Edinburgh | Angl. ŝil. | 20/– |
| 25. S-ro W.E. Clayton, London | Angl. ŝil. | 6/– |
| 26. S-ro Hans Poensgen, Homburg | Mk. | 10.— |
| 27. S-ro E.L. Southwick, Braintree | Dol. | 0.50 |
| 28. S-ro Albert Väärsi, Tartu | Est. Kr. | 5.— |
| 29. S-ro Oscar H. Behncken, Brisbane | Aŭstral. ŝil. | 2/6 |
| 30. S-ro J.A. Proença, Porto | fr. sv. | 1.50 |
| 31. S-ro G. Cadbury, Bournville, Brit. | angl. ŝil. | 10/– |
| 32. S-ro Joh. Karsch, Dresden | Mk. | 1.60 |
| 33. S-ro Aŭstria sennomulo, per S-ro Bernfeld | Aŭstr. ŝil. | 8.— |
| 34. S-ro A.H. Jones, Swansea, Brit. | angl. ŝil. | 10/– |
| 35. S-ro A. Minten, Wisbech, Brit. | Angl. ŝil. | 5/– |
| Entute | svisaj frankoj | 458,70 |

Pliaj donacoj estas plezure akceptataj. Al la bonvolaj donacintoj ni dankas plej kore.

*Teritoria Kunveno Brita.* — Kunveno de Membroj kaj Delegitoj okazas Dimanĉon, 16-an de Aprilo 1933, ĉe Randolph Hotel, Beaumont Street, Oxford, je la 3-a ptm., dum la 24-a Brita Esperanto-Kongreso. Tagordo : Elekto de Ĉefdelegitoj kaj Sekretario, Raporto pri la stato de UEA en la Teritorio, Raporto pri reorganizo.

*Subtenantoj de UEA 1933.* — Bonvolis aliĝi kie Subtenantoj por 1933 la jenaj samideanoj : sinceran dankon al ili.

*Tria listo :*

301. S-ro E. Pomérol, Boulogne-sur-Seine.
302. S-ro C. Rousseau, Bécon-les-Bruyères.
303. S-ro A. Prieur, Ussel.
304. S-ro L. Bouvier, Poix.
305. Esperanto Grupo, Amiens.
306. F-ino E. Dietz, Strasbourg.
307. S-ro R. Timmler, Omaha.
308. S-ro S. Grenkamp, Paris.
309. S-ro L. Planchenault, Bagnolet.
310. S-ro R. Dru, St.-Gratien.
311. S-ro C. Martin, Laigle.
312. S-ro A. Fridenbergs, Riga.
313. S-ino E. Ziedinŝ, Riga.
314. S-ro K. Bruklis, Alŝvangu.
315. S-ro H. Grőnborg, Kattrup.
316. S-ro R. Redhead, Esquimalt.
317. S-ro E.J. Bengough, Westdale.
318. S-ro E. Helminen, Vaasa.
319. S-ino A. Setälä, Helsinki.
320. S-ro V. Setälä, Helsinki.
321. S-ro J. Ahonen, Seinäjoki.
322. S-ro J.O. Metsikkő, Helsinki.
323. F-ino E. Tamminen, Helsinki.
324. S-ro R. Muuronen, Liekssa.
325. S-ro U. Hiltunen, Kuopio.
326. S-ro E. Tulkki, Viipuri.
327. S-ro E. Hämäläinen, Viipuri.
328. S-ro W. Maier, Műnchen.
329. S-ro G. Dűniss, Jőhstadt.
330. S-ino K. Ems, Krefeld.
331. S-ro U. Ahrens, Schwerin.
332. S-ro E. Lindner, Regensburg.
333. S-ro P. Christaller, Stuttgart.
334. S-ro H. Dresselhaus, Schloss-Holte.
335. Esperanto-Grupo, Heilbronn.
336. S-ro R. Bagués, Buenos-Aires.
337. S-ro A. Villafranca, Buenos Aires.
338. S-ro J. Mohácsy, Budapest.
339. S-ro J.E. Crary, Terry.
340. S-ro R. Donetti, New York-Bronx.
341. D-ro F.H. Battey, Iowa City.
342. S-ro J.H. Scott, Iowa City.
343. S-ro E.B. Billings, Elmira.
344. D-ro J.S. Gianfranceschi, Buffalo.
345. S-ro A.E. Regal, Chicago.
346. S-ro W. Fenton, Vancouver.
347. S-ro Y. Ishiguro, Tokio.
348. S-ro M. Jagoda, La Ceiba.
349. S-ro S. Rodriguez, Perez Millan.
350. S-ro T. Konosuke, Tibaken.
351. F-ino A. Takahaŝi, Osaka.
352. S-ro M. Jamada, Isahaja.
353. S-ro G. Scholze, Reichenberg.
354. S-ro E. Wanitsek, Bratislava.
355. S-ro S. Weisz, Baňská Bystrica.
356. D-ro St. Kamaryt, Bratislava.
357. S-ro J. Friedrich, Kosice.
358. S-ro J. Mastny, Olomouc.
359. S-ro J. Rebiček, Olomouc.
360. S-ro A. Kudela, Olomouc.
361. S-ino L. Blumauerová, Lazné Bélohrad.
362. S-ro K. Blumauer, Lazné Belohrad.
363. S-ro J. Hetfleis, Topola.
364. S-ro E.C. Mawbey, Johannesburg.
365. S-ro J.M. Bakker, Groningen.
366. S-ino B. Beckeringh-Kremer Groningen.
367. F-ino T.H. Bakker, Hilversum.
368. F-ino G. de Waart, Hilversum.
369. S-ro L.J. Th. Kamman, Amsterdam.
370. D-ro A. Kihlstra, Soestdijk.
371. S-ro J.J. Roelofs, Soest.
372. F-ino D. Meeter, Soest.
373. F-ino A.J. Klootwijk, Soest.
374. S-ro W. Baaten, Utrecht.
375. F-ino M.L. Uyterbroek, Amsterdam.
376. S-ro O. Kettunen, Joensuu.
377. F-ino S. Nojarova, Sofia.
378. S-ro W.H. Sturge, Birmingham.
379. S-ro J.H. Lloyd, Birmingham.
380. S-ro C.M. Houghton, Abadan.
381. S-ro R.K. Hurgon, Folkestone.
382. S-ro W.M. Page, Edinburgh.
383. F-ino A.G. Macfarlane, Glasgow.
384. S-ro J.W. Pickard, Gorton-Manchester.
385. D-ro W.G. Joustra, Medan.
386. S-ro W.W. Carpenter, Escondido.
387. S-ro R. True, Washington.
388. S-ro F.L. Wharff, Berkeley.
389. S-ro H.B. Frost, Riverside.
390. S-ro W.A. Welman, Cleveland.
391. S-ro W. Gray, Leongatha.
392. S-ro A. Schack, Wiesbaden.
393. S-ro K. Schőnrich, Wiesbaden.
394. D-ro A. Steche, Leipzig.
395. S-ro P. Bennemann, Leipzig.
396. D-ro W. Jahr, Leipzig.
397. S-ro F. Dűhring, Leipzig.
398. F-ino E. Schelchen, Berlin.
399. S-ro P. Schwob, Oels.
400. S-ro A. Rehmann, Genève.

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

**Argentino**

*Tucuman.* — D : Abel Peirano, oficisto, str. Salta 36.

**Aŭstrio**

*Zeltweg* (Stirio). — D : Josef Reautschnig, libristo, No. 1.

**Belgujo**

*Roeselare* (Westvl.). — D : Honoré Braekevelt, Stadiedreff 177.
VD : F-ino Josée Lagae, Ooststraat 24.

**Britlando**

*Salford* (Lancs.). — D : Fr. Gateshill, oficisto, 32, Langton St. (6).

**Ĉeĥoslovakio**

*Bzenec* (Moravio). — D : F-ino Marie Černá, oficistino.

**Francujo**

*Bayonne* (B.-Pyr.). — D : André Coudry, 15, rue Guilhamin.
*Chedde* (Hte-Sav.). — D : Henri Soudan, abelkulturisto.
*Marignier* (Hte-Sav.). — D : Auguste Aigoud, studento.

**Germanujo**

*Angermund* (Rheinland). — D : Frédéric-Charles Midas, studento.
*Starnberg-a.-S.* (Bayern). — D : F-ino Thea Hüttinger, Bahnhofpl. 10.

**Hindujo**

*Ambur* (North Arcot). — D : F-ino Anena Christensen, misiistino.

**Hispanujo**

*Cocentaina* (Alicante). — D : Restitute Albero, Str. V. Escuder 14.

**Hungarujo**

*Szeged* (Csongrad). — D : Paŭlo Szócs, Tisza Lajos krt. 3.
VD : Zoltán Koczondy, Deák Ferenc u.2.

**Portugalujo**

*Portalegre* (Alentejo). — D : Jorge Curvelo, Rua dos Mexes-5.

**Svedujo**

*Insjön* (Dalarne). — D : Ivar Emanuel Karlsson, Box 211.
*Rödeby* (Blekinge). — Sin turni al la Delegito en Torskors.

**Usono**

*Cicero* (Illinois). — D : D-ro B.L. Ŝimonek, 2137 S. 62nd Ave.
*Riverside* (Illinois). — D : F-ino Mildred Kadlec, 412 Harrick Rd.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

**EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :**

Ne plus estas D en jenaj lokoj :
Ĉeĥoslovakio : Borŝice ; Lanzhot.
Nederlanda Hindujo : Moentilan.

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Februaro 1933 | 2.018 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo | — 3 lokoj |
| | 2.015 lokoj |
| Novaj lokoj de 15.II.33. ĝis 15.III.33 | + 18 lokoj |
| Stato je la 15 Marto 1933 | 2.033 lokoj |

Genève, 15 Marto 1933. *Direktoro de UEA.*



# Kroniko

**Brazilo**

*Ŝtato s. Paŭlo*-Santos. — Dank'al klopodoj de S-ro Jozefo Joels, post parolado de li farita en la loĝio « Albor », fondiĝis « Centro Esperantista de Santos », kiu baldaŭ aliĝos al B.L.E.

*Ŝtato Rio Grande Do Sul — Porto Alegre.* La grava eldonejo « Globo » ĵus eldonis gramatikon de Esperanto verkitan de fervora esperantisto, kiu sin kaŝis sub la pseŭdonimo *kverko.*
Kurso farita per radio bone sukcesis.

*Livramento.* — De lernantoj kaj membroj de *Urugvaja Esperanto Instituto* estas fondita « Urugvaja- Brazila Esperantista Ligo » kun la celo disvastigi Esperanton en la najbaraj urboj Livramento (Brazilo) kaj Rivera (Urugvajo). Ĝia prezidanto estas S-ro Carlos Burg.

*Candelaria.* — Prof. Vile E. Krombauer, direktoro de Lerneja Grupo' malfermis kurson de Esperanto.

**Nederlando**

Rezultato de la ekzamenoj dum la jaro 1932 : Okazis en Nederlando 10 Esperanto-ekzamenoj : 7 por Diplomo A (atesto pri lingva kapableco), 3 por Diplomo B (atesto pri Instruista kapableco).
Por Diplomo A prezentiĝis 760 kandidatoj, el kiuj 599 sukcesis, unu retiris sin dum la ekzameno, kaj 160 malsukcesis.
Por Diplomo B prezentiĝis 192 kandidatoj, el kiuj 139 sukcesis, kaj 53 malsukcesis. La B-ekzamenoj estas kontrolataj de Registara Delegito.
Por la jaro 1933 oni jam anoncis ankaŭ 10 ekzamenojn.
Oni do vidas ke Esperanto en Nederlando bone progresas.

Frato Wigbertus van Zon.

## Portugala kroniko

*Lisbono.* — Tre kontentige loka esp-movado progresas. Novaj kursoj ĉie malfermiĝas. Venkon oni ankaŭ registris : Gazeto « A Vida Social » kiu tre favore apogas nian movadon, nun regule aperigas Esperanto-Paĝon.
Lab. Esp. Soc. *Antaŭen* post sia unujara ekzisto instaliĝis en tute moderna domo kie estas lern-lud-bibliotek- kaj ekspozicia ĉambroj. Tiu ĉi societo bonege propagandas Esperanton kaj en la nun funkciantaj kursoj partoprenas 92 gekursanoj.
Ĉe Sindikato de la Komizoj fondiĝis Esperanto-Grupo de Komerclaboristoj, kie nova kurso komenciĝis. Lab. Soc. *Nova Vojo* malfermis en Korkista Sindikato novan kurson kiun partoprenas 34 lernantoj. Lisbonaj tramistoj ankaŭ komencas interesiĝi pri Esperanto. Ĉe ilia Sindikato entuziasme okazas kurso vizitata de 27 tramistoj.

*Barreiro* — Vortoj mankas por priskribi la ĉi-tiean movadon. Ĉe ĉiu barejrana verdstelano ni trovas viglan propagandiston de nia lingvo. Ili klopodas esperantistigi ĉion kaj ĉiun. Malfermo de novaj kursoj, eldono de esperantajoj kaj organizo de paroladoj jen ilia aprobita programo dum la proksima printempo. 4 kursoj regule okazas.
Pro manko de raportoj, malfacile oni povas doni la ĝustan bildon pri la agado de niaj samideanoj en la provinco ; tamen, laŭ informoj ricevitaj, kursoj okazas en urboj : Faro, Silves, Evora, Vizeu, Penafiel, Covilha, Setubal, Vila Nova de Gaia, Tramagal, Coimbra, Porto, Seixal, Vale de Figueira.

# Oni dankas

*** S-ro J. Mucke, ano de UEA depost 1911 en Dresden, Germanujo, tutkore dankas Ŝ-inon Blicher, Delegitino kaj S-ron Hinrichsen en Kopenhago, pro afablaj helpo kaj informoj.

*** Sinjoro Badois diras sian tutan dankemon al S-ro Cresp, delegito en Cannes, dank'al kiu li ĝuis mirindan tempon en Cannes ; ricevis bonegan loĝejon en la Pension *Esperanto* laŭ plej kontentigaj kondiĉoj pri komforto kaj prezo ; dank'al gesinjoroj *Cresp*, li konis la tiean familian vivon kaj konatiĝis kun afablaj esperantistoj. Al ĉiuj, koran saluton kaj al S-ro Cresp : profundan dankemon.

## La nekonata batalanto

Per tiu ĉi nova rubriko ni volas sinsekve aperigi mallongajn, se eble telegrafstilajn biografiojn de samideanoj — silentuloj — kiuj laboris por la movado, sed pri kiuj parolas nek kanto nek historio.

Apud la eminentuloj estas la aro da homoj, kiu ne postlasas memorajojn, sed kies persista laboro abelsimila ja sukcesigis la ideojn de la eminentuloj. Al ili apartenas tiu-ĉi paĝo.

Ni danke akceptas atentigojn kaj informon por la nova fako. Ni daŭrigas ĝin per la biografio de

### Vincent Richard, Tanger

Lernis Esperanton en 1898 kaj tiuj propagandis; laboris kiel kemiisto en tiu momento en fabrikejo en La Plaine (apud Genève)



En 1905, faris paroladojn en la « Cercle Communiste » en Genève pri Esperanto. Samtempe kunlaboris kun sia amiko Paul Berthelot ĉe la gazeto « Esperanto ». Partoprenis je la kongreso, Genève 1906. En tiu okazo, ambaŭ transdonis la gazeton « Esperanto » al Sinjoro Tarry, astronomisto kiu nur eldonis du numerojn, kaj denove transdonis la gazeton al S-ro Hodler. « Esperanto » fariĝis poste la oficiala gazeto de UEA.

En 1906, fondis kun Evstifeieff, Berthelot, Louis, Blangarin ktp la gazeton « Internacia Socia Revuo » kiu vivis kelkajn jarojn.

## En kelkaj linioj



*** La 5an kaj 6an de Aŭgusto 1933 okazos en Aussig a/E. laborista festo de la socialistaj organizajoj en Ĉeĥoslovakujo. Gravan rolon ludos la sporto. Partoprenos ankaŭ sindikatoj, naturamikoj, liberpensuloj ktp. La « Ĉeĥoslovaka Laborista Asocio Esperantista » aranĝos ekspozicion esperantan. Interesemuloj skribu al : Arbeiter Turn- und Sportverband en Aussig a/E, Bahnhofplatz 1, Ĉeĥoslovakujo.

*** La Hungara Skolta Asocio forlasis la esperantan parton en dua eldono de ĵamborea fakvortaro, verŝajne pro protesto de anglaj kaj francaj ĉefskoltestroj ?! Tamen la oficiala esp. rondo ĝis nun restis senŝanĝe.

*** Komerca Delegito de UEA Sro R. Levin kaj la Delegito en Lyon S-ro Borel stariginte standon de Esperanto en la ĵusa Lyona Foiro konstatis grandan intereson ĉe la vizitantoj kiuj multnombre estis allogitaj de la tie ĉi ekspoziciitaj ĵurnaloj kaj revuoj afiŝoj kaj turismopropagandiloj pruvantaj la grandan disvastiĝon de la Universala Lingvo.

S-ro Lebrun Prezidanto de Franca Respubliko mem haltiĝis ĉe nia stando kaj parolante pri la sukceso de la 24a en Parizo kaj pri la apostoleco de S-ro Baudet eksprezidanto de Pariza Komerca Ĉambro montris, ke li tre bone konas nian aferon. La junaj Esperantistinoj treege surprizitaj de tiu neatendita honoro kaj kuraĝigitaj de la afabla simpleco de S-ro Lebrun spontane donis la portreton de la Majstro al la eminenta vizitanto kiu ĝin kunportis post dankemaj manpremoj.

La materialon de tiu stando, liveritan de UEA uzos ankaŭ la delegitoj en Vienne dum maja foiro, tiuj demonstracioj super la tendencoj kaj profitoj tre favore impresas la publikon kiu kvazaŭ instinkte simpatias al entrepreno nepartia kaj tute ideala.

*** Dum la tagoj 21 Junio-1 Julio 1933 okazos en la Esperanto-Domo en Arnhem Internacia Esperanto-kurso por poŝtistoj. La kurson aranĝas la Int. Ligo de Esperantistaj Poŝt-kaj Telegraf-oficistoj kaj la Intern. Cseh-Instituto de Esperanto, en kunlaboro kun la Generala Direkcio de la Nederlanda P.T.T.

***La Esperanto-Ligo Saarteritoria, aliĝinte al Universala Federacio Esperantista, informis 28-3-33 ; ke ĝi ne plu ekzistas.

*** De la sveda ŝlosilo aperis la 10-a eldono. 120-140aj miloj. La naŭa eldono, 20,000 ekz., elĉerpiĝis en unu jaro. Eldonanto estas Eldona Societo Esperanto, Stockholm, Svedujo, laŭ permeso de ICK. La prezo estas 0,10 sved. kr.

*** Aperis ĵus belega verko : « Hungara Antologio » vera plenumo de farita promeso. Ĝin eldonis la vigla « Literatura Mondo » kaj oni povas diri ke tiu-ĉi verko inde kompletigas la serion de belaj eldonaĵoj. Ekzistas nun en Esperanto antologioj, belga, bulgara, estona, flandra, hungara kaj kataluna.

## Skolta Movado

La Hungara Skolta Esperanto Rondo deziras scii, kiom da skoltoj kiuj scias Esperanton venos al la mondjamboreo.

Se trupo kunhavas esperantistan skolton — kiu bone scias ! — la trupo rajtas peti oficiale *esperantistan gvidiston* skoltan dum la jamboreo. Tiu klarigos ĉion en Esperanto kaj la kunvenanta esperantista skolto tradukos ĉion en propra nacia lingvo al sia trupo. *Ni devas baldaŭ scii*, kiu trupo petos tian gvidiston, ke ni povu prepari !

Aperis ĵamboreo-afiŝoj, senpage peteblaj de Ĵamboreo-aficejo, Budapest, V., Nagy Sándor utca 6. Se vi elmetas, alglui ian esperantajon !

Lumbildoj pri Budapest kaj hungaraj urboj senpage prunte haveblaj, se la prezentado estas certigata ! Skribu al Hung. Skolta Esp. Rondo, V., Nagy Sándor u. 6.

## Budapesta Foiro

Malgraŭ la nuna situacio la Budapeŝta Foiro vigle laboras, kion pruvas la eldonaĵoj. La foiro, kiu okazas de la sesa ĝis 15-a de Majo kutime altiras milojn da interesemuloj. Je tio ja helpas la eldonaĵoj por reklamo. La tradician kalendareton sur kartono ni jam menciis. Venis granda afiŝo, montrante la pac-kolombon, kiu anstataŭ pacbranĉon portas la Merkur-insignon, en optimismaj koloroj. Plie kartona afiŝo kun sama bildo, beleta glumarko kaj rozkolora « papilio », flugfolieto. Sed la plej alloga estas faldprospekto en bela Offset-presado, kiu elokvente klarigas la varojn kiujn produktas Hungarlando.

Vizitanto de la Foiro en Budapeŝto rajtas je gravaj favoroj sur la ŝtataj fervojoj ne nur de Hungarlando sed en dudeko da aliaj landoj. Faciligojn de vizoj por ŝtatanoj kiuj tian bezonas. Avantaĝoj en la uzado de la famaj banoj, tutan serion da pliaj favoroj, kiuj ĉiuj kune fakte forigas la koston de la vojaĝo. Personoj kiuj sin interesas skribu al la Foira Oficejo : Alkotmány ucca 8, Budapest, por ricevi detalajn sciigojn.

---

Germana Esperanto-Asocio
Oficejo : Planufer 28.

Berlin SW 61, la 27 an de Febr. 33

*Al Universala Esperanto-Asocio*
*resp. Internacia Centra Komitato (K. R.)*
*resp. Universala Federacio Esperantista*

Ĝenevo.

Tre estimataj sinjoroj !

Konsiderante, ke jam abundas la materialo kun instigoj, sugestoj, proponoj por la nov-organizo.

Konsiderante, ke jam urĝas trovi vojon el la nuna organiza ĥaoso al ordigita unueca organizo.

Rilatigante nin al nia letero de l'9a de Januaro pri starigo de komisiono kaj okazigo de intertraktadoj de ICK (KR) kaj UEA (vidu G.E. n-ro 1/1933 pĝ 11),

Dezirante servi al la ĝenerala E-movado kaj pro tio rezignante pri ĉiu kritiko rilata al la ĝis nun faritaj proponoj ktp.

ni, la negocanta estraro de GEA, solene kaj oficiale — denove ! — proponas jenon :

UFE kune kun ICK (KR) unuflanke kaj UEA aliflanke tuj elektu po du aŭ tri personoj, kiuj formu kvar-resp. seskapan komisionon por nov-organizo. Ĉi tiu komisiono elektu al si kvinan resp. sepan samrajtan personon kiel prezidanton, kiu ordigu la laboradon de la komisiono.

La tasko de la komisiono estu, esplori la ĝis nun faritajn proponojn ktp por nov-organizo, mem prepari planon aŭ eĉ statuton por ĝi, diskuti en kunveno — se eble — pri la preparita plano aŭ statuto kaj prezenti ĝin al ĉiuj organizajoj, kiuj partoprenu en la estonta organizo.

La komisiono kolektu la opini-esprimojn de la partoprenontaj organizajoj, verku finraporton kun klara propono, prezentu ĝin al la XXVa Universala Kongreso en Kolonjo, post kiam — minimume unu monaton antaŭ la kongreso — la partoprenontaj organizajoj ricevis kopion de la finraporto kun klara propono.

La XXVa Universala Kongreso mem decidu pri la maniero, laŭ kiu la finraporto estu traktata.

La afero urĝas : sed -kvar monataj sufiĉas, se oni vere volas servi al nia komuna celo. Grava momento en la historio de nia movado venis : nova epoko rimarkigas sin ! Klopodu ĉiu, ke lia nomo ne estu iam citata inter tiuj, kies portantoj malhelpis pro obstina principemo praktikan plilarĝiĝon kaj racian reformon al nun ekzistantaj organizaj formoj, ne plu kontentigaj.

Se la kompetentaj gvidantoj ne atentos nian nunan solenan kaj oficialan denovan proponon, se ili ne aŭskultos nian nunan ripetitan insistan peton pri intertraktadoj, ili fariĝos kulpaj antaŭ la historio!

Ni faris nian devon, faru ĉiu la sian !

Por la negocanta estraro de Germana E-Asocio
(Deutscher Esperanto-Bund E.V.)

BEHRENDT, *prezidanto* HABELLOK, *afergvidanto*

# Bibliografia Servo de UEA

## Novaj libroj 1932

STYEPAN Misak. — *Türkçe-Esperanto (Luĝat Kitabi).* — Eldonis la kompilinto, Adana. 82 p. 8,5 × 10 cm. (1932-140).

G. T. LÖWE. — Vivo de D-ro Martin Luther. Aldono : La malgranda katehismo. 32 p. 12,5 × 18. Eldonis la aŭtoro, Radebeul. Prezo 0.50 Gmk. (1932-141).

M. KIDOSAKI. — *Zamenhofa lernolibro.* — Eldonis Japana Esperanto Instituto. 144. p. 13 × 19 cm. (1932-142).

Georgo BASTJAN. — *La liberecana socio.* — Eldonis S. A. T., Paris p. 54. 11 × 17 cm. Prezo : 60 pfen. (1932-143).

Ir. J. R. G. ISBRÜCKER. — *Historio kaj organizo de la Esperanto-movado.* — Eldonis Internacia Cseh-Instituto, Hago. p. 51. 13,4 × 20 cm. (1932-144).

THIEN-HUONG. — *Sách Hoc Thê-giói-Ngu, Esperanto.* — Cua ke chi biet doc tieng abbam hai ihang dã thong. — Eldonis : In Tai Nha in Khoa-Doc, Hanoi. 60 p. 15,5 × 24 cm. (1932-145).

---

*Laborajoj de la Aplik-Biologia Stacio de Volga-Kama Regiono. Vol. I Red. I.S. Baŝkirov, direktoro de Kazana Zoologia Ĝardeno. Kazanj.* 1931 *Paĝoj* 203, 21 × 15 *cm.*

La redaktinto de tiu oficiala raporto estas nia samideano, Prof. Baŝkirov en Kazanj (Tatara regiono). La celo de la Stacio estas studo de sovaĝaj bestoj en ilia natura medio, tiom kiom ili estas objekto de ĉasado kaj industria utiligado. La libro, en rusa lingvo, enhavas resumojn en Esperanto. Ankaŭ la titoloj, tabelaj subskriboj kaj fakaj terminoj estas paralele nomitaj en nia lingvo. Tiel, entute, la esperanta teksto ampleksas plurajn paĝojn. Por zoologoj tiu verko havas valoron, precipe ĉar temas pri bestoj kiuj estas maloftaj aŭ malaperintaj en okcidenta Eŭropo, ekz. miogalo, urso, nigra vulpo, linko, zibelo, mustelo, lutro, kastoro, flugmuso, bobako, zizelo, hamstro, akvo-rato, alko, grebo, k.m.a. Kuriozaj estas priskriboj kaj bildoj de indiĝenaj kaptiloj, uzataj depost pratempo en tiu primitiva lando. Prof. Baŝkirov volonte korespondos pri zoologio kun samideanoj. Lia adreso : I. S. Baŝkirov, Spartakovskaja 11, Kazanj, URSS.

## Novaj libroj 1933

MONTAGU C., BUTLER. — *Step by step in Esperanto* (Nova tute reverkita eldono). — Eldonis The British Esperanto Association, London, 244 p. 12 × 18,5 cm. Prezo : broŝ. 1 $ 6 p, bind. 2 $ 6 p. (1933-1).

CLARA MEYER-WICHMANN. — *Kontraŭ la regantaj perceptoj pri krimo kaj puno.* — Eldonis Komitato por agado kontraŭ la regantaj perceptoj pri krimo kaj puno, Amsterdamo. 8 p. 12,5 × 18,5 cm. Prezo : por 10 ekz. sv. Fr. 1.—, 100 ekz. sv. Fr. 8.—. (1933-2).

***. — *Wörterbuch Deutsch — Esperanto*, Kvara eldono — Eldonis Steyrermühl-Verlag, Tagblatt-Bibliothek, Leipzig-Wien-Berlin, 184 p. 12 × 19 cm. Prezo : Gmk. 1.20 (1933-3).

***. — *Wörterbuch Esperanto — Deutsch*, Kvina eldono — Eldonis Steyrermühl-Verlag, Tagblatt-Bibliothek, Leipzig-Wien-Berlin, 48 p. 12 × 19 cm. Prezo : Gmk. .30 (1933-4).

STALIN, J. — *Rezultoj de la unua Kvinjarplano.* Eldonis Ekrelo, Leipzig. 48 p. 12 × 16,5 cm. Prezo : Gmk. .25 (1933-5).

O. ERDBERG. — *Ĉinaj Noveloj.* Eldonis Ekrelo, Leipzig. 72 p. 12,5 × 16,5 cm. Prezo : Gmk. .50 (1933-6).

NAUM JERUŜALMI. — *Merkado la azenpelisto* — Eldonejo N. Szapiro, Warszawa. 140 p. 15 × 19 cm. Prezo : sv. Fr. 2.— (1933-7).

STYEPAN MISAK. — *Türkçe-Esperanto Talim Kitabi* (Turka ekzercaro — Eldonis la aŭtoro, Adana, Turkujo. 22 p. 8 × 10 cm. (1933-8).

***. — *Plena vortaro Esperanto-Juda, kun gramatiko* — Redaktis kaj eldonis I. Naŝelski, Bialystok. 116 p. 13 × 18 cm. Prezo : s.v. fr. 1.— (1933-9).

DOUGLAS P. BOATMAN. — *La nekonata konato, mistera rakonto.* — Eldonis Heroldo de Esperanto, Köln. 122 p. 13,5 × 20 cm. Prezo : broŝ. Gmk. 1.60, bind. Gmk. 3.00 (1933-10).

***. — *Nyckel till Esperanto* (Sveda Esperanto-ŝlosilo). — Eldonis Svenska Esperanto-Förbundet, Stockholm. 32 p. 7,5 × 11 cm. Prezo : 10 öre (1933-11).

***. — *Esperantisk* — Svensk ordbok — Eldonis Förlagsföreningen Esperanto u.p.a., Stockholm. 232 p. 12 × 18,5 cm. Prezo : Kr. 3.75 (1933-12).

SEPPIK-MALMGREN. — *Systematisk kurs i Esperanto* — Eldonis Förlagsföreningen Esperanto, Stockholm. 87 p. 12 × 17,5 cm. Prezo : 75 öre (1933-13).

CARLO GOLDONI. — *Kurioza okazaĵo, triakta komedio* — Eldonis « L'Esperanto », Torino. 64 p. 12 × 17,5 cm. Prezo : sv. Fr. 1.50 (1933-14).

***. — *Esperanto-Woordenboek, Esperanto-Nederlandsch/Nederlandsch Esperanto* — Eldonis W. J. Thieme & Cie, Zutphen, 688 p. 15 × 20 cm. Prezo : Guld. 4.90 (1933-15).

FÉLIX TIMMERMANS. — *Pallieter, tradukita el flandra lingvo.* — Eldonis W. J. Thieme & Cie, Zutphen, 192 p. 15 × 22 cm. (1933-16).

S. GRENKAMP. — *Pola folkloro kaj popolkanto.* — Eldonis Esperantista Voĉo, Jaslo, Pollando. 62 p. 12 × 19 cm. (1933-17).

***. — *Hungara Antologio.* — Redaktis : K. Kalocsay, kunlaboris : J. Baghy, K. Bodo, L. Halka, F. Szilágyi, L. Totsche. — Eldonis Literatura Mondo kaj Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj, Budapest. 472 p. 15 × 23 cm. Prezo : broŝ. sv. Fr. 12.—, bind. sv. Fr. 14.—. Membroj de AELA ricevas por sia kotizo de 13.50 fr. kiel unuan libron, el la serio de ses libroj. (1933-18).

---

# Esperantista vivo

### Naskiĝoj

*** Al ge-sroj E. Waldvogel, D de UEA en Sierre, Svislando, filineto Madeleine (Rosalie), 11.3.33.

*** Al Ge-sroj Gerard Debreuwere, Kortrijk (Belgujo), filineto Laura, 26.2.33.

### Fianĉiĝo

*** S-ro A.W. Peacock, ano de UEA 38469 en Petersham-Sidney Australio, kun f-ino Emmo Ashman en Lambton.

*** Sro Edward W. Pharo, Jr. UEA ano 22944 D en Syracuse, N. Y. Usono, studanto, kun studantino f-ino. Ruth Newman, 1.1.33.

*** S-ro Eugeno Tyroler, membro de UEA en Timisoara (Rumanio), kun f-ino Gizi Erdős, filino de la urba ĉefveterinaro el Arad.

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

F-INO MARTINA MUSLIN, en Obernai, Bas-Rhin, Francujo. (Laŭ reveno de *Esperanto*, Febr. 1933).

F-INO C. M. E. MORTON, sekr-ino de l'grupo en Huddersfield dum 12 jaroj, fidela anino de UEA de l'jaro 1912, n-ro 2335. (Marto 1933).

S-RO ALFRED MUDIE, 88 jara, patro de l'unua prezidanto de UEA, Harold Bolingbroke Mudie, 9 Jan. 1933, en Hove. Laŭ advokata informo donacis al UEA testamente parton de sia havaĵo.

S-RO HERBERTUS VAN HEEK, patro de Gerrit van Heek fervora samideano, eks-Delegito en Hengelo (O.) Nederlando, 26.2.1933.

S-RO JOHN MABON WARDEN, Edinburgh, 7. Marto 1933, 76 jara, prezidanto de la Esperantista Akademio, longjara ano de la Lingva Komitato, energia defendanto de la Fundamento de nia lingvo, prezidinto de BEA (1915-1920), Dumviva ano 128 de UEA.

Inter la figuroj de la antaŭmilita esperantistaro distingiĝas S-ro Warden, kiel fidela sekvanto de D-ro Zamenhof, persista kaj celkonscia. Eminenta stenografo li interligis en si mem modernajn postulojn : rapida skribo kaj internacia lingvo.

Sinjoro Warden estis kredeble unu el la kelkaj esperantistoj kiuj ĉeestis ĉiujn internaciajn kongresojn, ĝis Krakovo, ĉiujn naciajn britajn kaj ĉiujn skotajn, kio signifas ke dum daŭro de 27 jaroj li ĉeestis 100 kongresojn. Reveninte de la unua kongreso en Bulonjo, li energie klopodis kun Prof. Sarolea starigi societon en Edinburgh. El la tiamaj kunfondintoj ankoraŭ nun partoprenas S-roj Page, Kirkland, Ford kaj Morrison.

Verkoj kiuj postdaŭros la foririnton estas la alloga vortaro *Edinburgh Pocket Dictionary*, ĉe kiu kunlaboris Sinjoro Harvey, L.K. kaj F-ino Baird. La fakto ke eldoniĝis preskaŭ 50.000 ekzempleroj estas la pruvo por ĝia boneco. Sed alia pli grava verko estas ligata al la nomo Warden : La *Sankta Biblio* eldonita de la Brita Biblia Societo. Alia verko sub lia zorgo estis la eldonaĵo *Vivo de Zamenhof*, de Edmond Privat, la biografio pri nia majstro.

Neniu pensis en Krakovo, ke tiom rapide la sorto decidos. Vigla, juna kaj persista li aperis al ni ĉiuj. Inflamo de la vejnoj jam antaŭe lin malhelpis kaj grade la stato plimalboniĝis ĝis parta perdo de la parolo kaj vido.

R.I.P.

*Sinceran kunsenton !*

# Decido de la Grupo de St. Etienne

La Esperanta Grupo de St. Etienne, Prezidanta Societo de la Federacio Esp. Rodana, en Ĝenerala Kunveno de la 7-a de Marto 1933, laŭ propono de S-ro Thevenin, federacia sekretario, akceptas unuanime la jenan tagordon :

La Esperanta Grupo de St. Etienne konsiderante :

1) ke la S.F.P.E. rilatas senpere kun la grupoj aliĝitaj al la F.E.R., ne uzante la Federacian Komitaton kiel peranton,

2) ke la esperantista organizado staras sur du kolonoj :

*a)* La Naciaj Societoj kies funkcio estas la propagando de Esperanto,

*b)* La UEA kies ĉefa funkcio estas ĝin utiligi pere de la lokaj delegitoj ; la S.F.P.E. nuntempe ludas malutilegan rolon, elektante en Francujo kaj en ĝiaj kolonioj, delegitojn nenecesajn, ĉar jam ekzistas tiuj de UEA ; ĝi tiamaniere celas disigi la francajn esperantistojn en du partoj, ne serĉinte laŭkonvene en trankvilo kaj konkordo, solvon al esperantista internacia organizado.

3) Konstatante ke la Esperanta Grupo de St. Etienne aliĝinta de pluraj jaroj al S.F.P.E., regule pagis al tiu societo siajn jarajn kotizojn neniam ricevinte ion ajn kompense

*decidas :*

simple eksiĝi de la S.F.P.E. kaj de la F.E.R. kiel aliĝinta grupo kaj, de nun, utiligi la kotizsumon por intensigi la lokan propagandon.

Kopio de la ĉi-tagordo estos sendata al la S.F.P.E. kaj al ĉiuj grupoj aliĝintaj al la F.E.R., al I.C.K., al la UEA kaj fine al la gazeto *La Movado.*

---

**"FINE ĜI VENKOS"**
**Sekcio de L.E.E.N.**
**Hago** (Nederlando)

Den Haag, Marto 1933.

# Mocio

La Esperanto-Unuiĝo « Fine ĝi venkos », sekcio Hago de la Nederlanda Societo Esperantista « La estonto estas nia »,

priparolinte en sia ĝenerala kunveno de la 10a de Marto 1933 la organizan problemon kaj studinte la enhavon de la Mocioj de la sekcioj Arnhem, Dordrecht kaj Leeuwarden kaj de la cirkulero de la Roterdamaj sekcioj,

referante al sia jam ensendita propono por la jarkunveno de L.E.E.N.,

esprimas sian simpation kun la ĝenerala enhavo de la nomitaj mocioj kaj cirkulero,

esprimas ankaŭ sian malkontentecon pri la organo « Nederlanda Esperantisto »,

opinias, ke la fondo de U.F.E. signifas danĝeron por la Esperanto-movado,

deziras la daŭran ekzistadon de U.E.A. laŭ plilarĝigita bazo,

insiste konsilas al la jarkunveno de Pasko 1933 postuli de la Ĉefestraro, ke ĝi laboru por la efektivigo, de internacia organizo en tiu senco ekzemple laŭ la projekto, proponita de Teo Jung,

insiste konsilas al la nomita jarkunveno rifuzi unuanime ĉiun kunlaboron de L.E.E.N. kun U.F.E.,

decidas sendi kopion de tiu ĉi Mocio al ĉiuj sekcioj de L.E.E.N. kaj al la redakcioj de « Nederlanda Esperantisto », de « Esperanto » kaj de « Heroldo ».

---

# Grava alvoko

Ni preparas la *Esperantan* eldonon de pacgazeteto « La junularo kaj la mondpaco ». Ĉi tiu gazeteto estas eldonata unu fojon en ĉiu jaro, nome okaze de la tago de Bonvolo, la 18-an de Majo. Ĝi aperis la unuan fojon en 1928, nur en Nederlando, por la infanoj de 10-14 jaraj. En 1929 aperis la franca eldono. En 1930 estis elektata *internacia* redakcio, kiu celas eldoni ĝin en kiel eble plej multe da landoj kaj lingvoj. En ĉiu eldono la enhavo estas grandparte egala por ĉiu lingvoj. Ĝis nun la gazeteto aperis en la lingvoj nederlanda, franca, angla, germana, kimruja, japana, malaja, ĥina kaj pola.

Ĉiu Esperantisto povas kompreni la gravecon de eldono en *Esperanto*, la plej taŭga lingvo por disvastigi la pacideon. Ni scias, ke jam multaj infanoj atendas la esperantan eldonon, sed — tia eldono nur estas certigata, se estas vendataj minimume 20,000 ekzempleroj.

Tial ni alvokas ĉiujn instruistojn en la tuta mondo, kiuj instruas Esperanton al infanoj kiel eble plej baldaŭ sciigi al ni, kiom da ekzempleroj ili deziras por siaj gelernantoj. La prezo estas tro modesta kaj do ne fortimigos iun. Ĝi nome estas 5 nederlandaj cendoj por ĉiu ekzemplero ; nur du cendoj, se estos mendataj minimume 50 ekzempleroj. Oni pagas do por 50 ekzempleroj nur 1 guldenon aŭ 2 svisajn frankojn. La mendojn baldaŭ atendas :

f-inoj Christine kaj Molly Keiser,
(kiuj redaktas la Esperantan eldonon)
Adreso : 2e Schnytstraat 155, *Den Haag*, Nederlando.

---

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj :* L-letero ; PK-poŝtkarto ; PI-poŝtkarto ilustr. ; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko ; Gaz.-gazeto ; k.ĉ.l.-kun ĉiuj landoj C.r.-certe respondos.

---

*Alcacer* (Valencia Hispanujo) : S-ro Eugenio Blasco Hernández, Str. Pablo Iglesias, n-ro 8, nur P.I. k.ĉ.l.
*Antwerpen* (Belg.) : S-ro C. Severins, Touwstraat 22/1, PM.
*Békés* (Hungarujo) : S-ro Béla Tőrők, IV., Csikós-utca 3. L.PI., k.ĉ.l.
*Catarroja* (Hispanujo) : S-ro Francisco Lloréns Martinez, Str. Lloréns, 5 ; P.I. kun ĉiulandaj gesamideanoj. Nepre respondas !
*Gorna-Ĝumaja* (Bulgarujo) : S-ro Mitko Alaĝov, III riĉ. 190, PM k.ĉ.l. L., PI. respondo garantiita.
*Gorna-Ĝumaja* (Bulgarujo) : S-ro Vasil Nikolov, str. Serska 7, k.ĉ.l. L., PI. Nepre respondas.
*Gőteborg* (Svedio) : Einar Adamson, redaktoro, Minareten, Gőteborg 7. Gazetojn. Sendu ilustr. revuojn, i.a. de nudprop. organ. kaj mi sendas esp. librojn eldonitajn en Svedio.
*Kioto* (Japan) : S-ro H. Kakiuĉi, Zooĉo 18/6 Niŝikujo. P.K. kaj L., kun alilandaj gesamideanoj.
*La Jaluse* (Svislando, Le Locle) : S-ro Paul Humberset, instruisto, nur PM laŭ Yvert 1933 kaj mankolisto. Ne sendas unue, C.r. Ekstereŭropanoj ne skribu.
*Milwaukee* (USA., Wis.) : Kiu deziras interkonatiĝi kun geusonanoj, jen okazo. Sube menciitaj personoj deziras korespondi sur PI. laŭeble bfl. Ĉiuj loĝas en Milwaukee-Wis., kaj deziras korespondi nur kun urboj menciitaj post ilia adreso en (krampoj), por eviti superŝutigon de korespondaĵo. Ĉi tiu anonco valoras nur tri monatojn, de post ĝia apero.
F-ino Anne M. Bamberg, 2716 W. Garfield Ave. (kun Barcelono).
F-ino Adeline L. Gess, 1802 W. National Ave. (kun Dublin, Irlando).
F-ino Mary V. Maziarczyk, 2219 S.36th St. (kun Wien, Aŭstrio).
F-ino Florence Nowicki, 2209 S.36th St. (kun Ĝenevo, Svislando).
F-ino Mary Kordish, 3135 W. Brown St. (kun Venecio, Italujo).
F-ino Rosamond Bethke, 216 N.35th St. (kun Buenos Aires, Argentino).
F-ino Anna Searing, 827 W. Scott St. (kun Rio de Janeiro, Brazilo).
S-ino F.S. Bogue, 6235 W. Dixon St. (kun Edinburgh, Skotlando).
S-ro Edward Rapps, 2314 W. Juneau Ave. (kun Londono, Britujo).
S-ro Walter Miller, 2519 N. 11th St. (kun Madrido, Hispanujo).
*Sabadell* (Hispanujo) : S-ro Joano Junoy Str. Mendizabal 28, pri fotografarto kaj radiotelefonio.
*Selo-Borovo* (Bulgar. Stanimaŝka) : S-ro Ivan Vl. POPOV, instruisto korespondemas kun gesamideanoj ĉiulandaj per L kaj PKI. Interŝanĝas librojn, ilustritajn gazetojn, kaj diversnaciajn alfabetlibrojn. Nepre respondas.
*Tenerife* (Hispanujo, Canaries) : S-ro Miguel Luque, Apartado 228, UEA-Del. Kiu sendos 1000, 3000 aŭ 5000 PM ordinarajn sialandajn, ricevos tuj saman kvanton hispanajn ; rekomendite.

---

# Petoj kaj Proponoj

***INTERNACIA KOMERCO***

*Agenteco-Reprezentado :* Kapablaj vendistoj en ĉiuj landoj estas bezonataj por eksportado de *Cigaroj*. — Skribu kun referencoj al : Ant. De Troeyer, p/a Manufacture de Cigares « Jamayca », Arendonck (Belgujo).

*Filatelistoj.* — S-ro Miguel Luque, Apartado 228, Tenerife, Kanariaj Insuloj, sendos 1000, 2000, 5000 ordinarajn de sia lando kontraŭ sama kvanto de alilandaj. Sendu rekomendite.

*Geologia Kongreso Internacia.* — Okazos en Washington, D.C. dum Julio 1933. Esperantistoj eŭropaj kiuj partoprenos, bonvolus afable konigi tion al James F. Morton, Paterson, N.J. (U.S.A.).

*Roeselare* (Belgujo). — Por letervespero 22.5.33 la Ruselara Esp. Grupo deziras ricevi amason da korespondaĵoj de alilandaj gesamideanoj. Kun antaŭdanko. Certe respondos. S-ro Honoré Braekevelt, Statiedreef 177.

*Vortaro :* Antaŭ ĉirkaŭ du jaroj mi legis ie aludon al vortaro aŭ io simila je Nova Testamento Zamenhofa. Kiu povos informi min pri tio ĉi ? Pastro em. Hager, Hohenzollernring 48-II, Kiel, Germanujo.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. - 240-4-33.